V<sup></sup>a JARO — N° 57

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

20 JUNIO 1909

DIREKTORO :
...ector HODLER

ABONO

...ara Abono : 1,60 $ (4 frankoj).
...a abonoj komenciĝas de la
...e ĉiu monato. Oni akceptas
... unujarajn abonojn. Oni
...nas ĉe la Administrejo, Es-
...anto-Oficejoj kaj lokaj Agen-

Redaktejo & Administrejo :
rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER



## ...perantiaj Entreprenoj & Esperantiaj Asocioj

...a Delegitoj de U. E. A. jus voĉdone ...ceptis en la regularo novan paragra...n, speciale dediĉitan al Esperantiaj ...treprenoj kaj Esperantiaj asocioj. ...r tiuj lastaj esprimoj ofte reaperos en ...aj artikoloj kaj eldonaĵoj, kaj ili ali...rte respondas gravan organizan flan...n de nia afero, ni opinias, ke kelkaj ...arigoj pri ili utilos al niaj membroj ...j legantoj.

Pri *Esperantia entrepreno* ni jam ...nis ĉi tie diversajn informojn. Estas ...el nomata ĉiu komerca firmo, hotelo, ...stitucio, korporacio, grupo, societo, ...zeto, k. a., kiu aliĝas al U. E. A., in...rŝanĝe de servoj speciale starigitaj por ...i. Tiuj servoj estas ĝis nun jenaj : ...klama subfako, k. e. senpaga disdo...ado de reklamiloj aŭ kiaj ajn presaĵoj ...donitaj de la diritaj entreprenoj, rajto ...ri ĝeneralajn enketojn per U. E. A., ...npaga liverado de juraj informoj, en...resiĝo en la Oficiala Jarlibro. Kompre...eble, novaj servoj estos iom-post-iom ...reataj speciale por ili, tiel ke la aliĝo ...l nia Asocio povu prezenti la maksi...umon de profitoj. Por 1909, ilia koti...ajo estis fiksita je 2 $, sed kun la pli...randiĝo de niaj servoj ĝi povos esti ...ialtigita laŭ la bezonoj, tute kiel la ...embra kotizaĵo. Esperantia entrepreno ...avas esence komercan aŭ aferan signi...fon, laŭ la plej larĝa senco de l'vorto; ...amen povas aliĝi ne nur komercaj fir...moj aŭ institucioj sed ankaŭ societoj, ...azetoj, ajnaj organizaĵoj, kiuj, kvan...kam ili en si mem ne havas komercan ...ignifon, bezonas uzi la specialajn ser...vojn de U. E. A. Memvideble, tute ne ...stas necese, ke la aliĝanta entrepreno ...stu esperantista, t. e. ĝia mastro aŭ ...straro sciu Esperanton; sufiĉos, ke ...ilate al U. E. A. ĝi estu reprezentata de ...iu, kiu estos kapabla uzi la lingvon de ...ia Asocio, ĉu komizo aŭ oficisto, ĉu ...jna ekstera Esperantisto rajtigita de ĝi.

La signifo de la Esperantiaj entrepre...noj estas plej grava por nia afero kaj la ...servoj, kiujn ili povas uzi, estas sufiĉe ...ŝatindaj por ke ĉiuj niaj amikoj penu ...varbi al nia Asocio kiom eble plej multe ...da ili. Oni ofte asertas, ke privatuloj ...neniam havas la okazon vere uzi la ser...vojn de U. E. A. ; male, entreprenoj ...kiel komercaj firmoj, kontoroj. gazetoj, ...k. a. pro sia aktiva partopreno en la ...vivo internacia, konstante bezonos ilin ...kaj sekve estas plej necesaj por la dis...volviĝo de nia afero. Ni diris, ke Espe...rantiaj entreprenoj ne estas devigataj ...esti esperantistaj ; ĉi tion montros kelkaj ...ekzemploj ĉerpitaj el la estantaĵoj : Ni ...supozu, ke ia firmestro deziras konigi ...siajn produktaĵojn eksterlanden aŭ fari ...reklamon en ia loko, aŭ enketi pri tia aŭ ...alia temo; li aligos sian firmon al ...U. E. A. kaj, konforme al la regularo, ...per ia elektita de li reprezentanto uzos la ...necesajn servojn de U. E. A. Loka tu...risma societo, kiu celos konigi tra la ...mondo la enlandajn vidindaĵojn kaj ...allogi la vojaĝantojn, eldonigos Espe...rantan gvidlibron; por ĝin konigi al la ...Esperantianoj, la veraj interesatoj, ĝi ...aliĝos kiel entrepreno kaj al ĝi servos ...la reklama subfako. Tiel same agos ia ...ajn organizaĵo, kongreso, ekspozicio, ...kiuj havos la okazon uzi la jam organi...zitajn servojn, kiel cetere faris jam la In...ternacia ekspozicio de Bologna.

La nomoj de ĉiuj entreprenoj aperas sur la Oficiala Jarlibro de U. E. A. kaj per tio estas rekomendataj al la solidareco de niaj membroj, kiuj en okazo de bezono havas la moralan devon ĉiam sin turni al ili antaŭ la ceteraj. Oni vidas kian vastan kampon de agado prezentas tiu nova organo. Kiam, pro nia forta organizo, ni povos proponi multajn seriozajn servojn kaj profitojn, ni povas antaŭvidi, ke aliĝos al U. E. A. ne nur gravaj komercaj firmoj, hoteloj, k. a. rekte interesataj en la internacia rilataro, sed ankaŭ tiaj organoj, kiuj havas gravan socian kaj ekonomian rolon, kiel komercaj ĉambroj, laboraj korporacioj, turismaj societoj, bankoj, kompanioj, internaciaj institucioj kaj oficejoj, k. a.; tiel skiziĝos la skeleto de internacia organaro, unuigota per U.E. A. kaj uzonta ĝiajn servojn. Por ĉi tio ni ne bezonas atendi ĝis Esperanto estos konata de la tuta mondo; ni al tio de nun povas celi, kaj al tia rezultato nin kondukos nur organizita kaj unuigita laborado. Ni aldonu, ke U. E. A. estas neŭtrala kaj senresponda rilate al la aliĝintaj entreprenoj mem kaj neniel sin enmiksas en ilian agadon. Kondiĉe ke ĝi uzu konforme al la regularo, laŭleĝe uzu ĝiajn servojn kaj ne kontraŭstaru al la celo de U. E. A., ĉiu entrepreno restas absolute memstara.

Se neesperantistaj organizaĵoj povas aliĝi al U. E. A. tiom pli povas kaj devas la esperantistaj aŭ duon-esperantistaj ekzistantaj organizaĵoj, kiuj cetere tiel same bezonas la servojn de U. E. A. Ni en antaŭa artikolo jam klarigis, ke la grupoj esperantistaj celas unuparte propagandi Esperanton en sia loko, aliparte konigi sian lokon per Esperanto. Por ĉi tiu celo ili eldonas gvidfoliojn, gvidlibrojn kaj ĉar tiuj eldonaĵoj koncernas ĉefe Esperantianojn, la grupo necese devas esti Esperantia entrepreno. Same pri komercaj grupoj, kies unu el la celoj estas diskonigi la enlandajn produktaĵojn, same pri studentaj kluboj aŭ fakaj grupoj, kiuj plej ofte konsistas ne nur el aktivaj Esperantistoj sed el personoj, kiuj simple deziras helpi al nia movado kaj ĝin favori en sia loko kaj rondo, same pri tiuj jam multaj praktikaj entreprenoj, kiujn naskis Esperanto, kiel gazetoj, internaciaj kontoroj, agentejoj, k. a., kies parto cetere jam aliĝis. Plie ĉiuj grupoj aliĝantaj kiel entreprenoj havos tiamaniere oficialajn rilatojn kun U. E. A. kaj estos enskribataj en nia Oficiala Jarlibro. Ni do instigas, ke ĉu por profiti niajn servojn, ĉu por materiale helpi U. E. A. kaj plifortikigi ĝian unuecon, ĉiuj supre aluditaj organizaĵoj aliĝu al U. E. A. kiel Esperantiaj entreprenoj (2).

*Esperantia Asocio* havas esence alian karakteron; dum entrepreno aliĝas al U. E. A. por afera aŭ komerca celo, Asocio, laŭ la vidpunkto de U. E. A., estas grupiĝo regiona, profesia aŭ idea, kiu konsistas nur el Esperantianoj. Ĉiuj organizaĵoj, kiuj ope aliĝos al U. E. A. t. e. kies ĉiuj membroj estos plenrajte membroj de U. E. A. estos enregistrigitaj kiel Esperantiaj Asocioj, kondiĉe ke ili sendu al la Komitato du ekzemplerojn de sia regularo kaj ĉi tiu ne kontraŭstaru la celon de U. E. A. Tiamaniere, ĉiuj grupoj Esperantistaj, regionaj aŭ naciaj societoj, fakaj organizaĵoj, kiuj aligos ĉiujn siajn membrojn al U. E. A., estos konsiderataj kiel Esperantiaj Asocioj. Tiel same Esperantianoj de sama loko, sama profesio, aŭ de sama idea tendenco povos grupiĝi laŭ sia plaĉo interne de U. E. A. kaj memstare agadi laŭ sia propra speciala celo. Tiuj Esperantiaj Asocioj ĝuas tute la samajn rajtojn kiel la Esperantiaj entreprenoj; estas notinde, ke ili pagas nenian kotizaĵon ; ili ankaŭ estos senpage enskribataj sur la Oficiala Jarlibro. Plie, dank'al la nova paragrafo voĉdonita, la gravaj Esperantiaj Asocioj, havas oficialajn rajtojn en U. E. A. : efektive, ĉiuj Asocioj, kiuj kalkulos pli ol mil membroj, estos reprezentatoj en la Alta Konsilantaro de U. E. A. per tiom da rajtigitoj kiom da membromiloj ili havas; tiuj reprezentantoj havas iniciatrajton kaj rajton nuligi por sia Asocio la decidojn de U. E. A., kiujn ili juĝus malutilaj por ĝi. Oni vidas, ke Esperantiaj Asocioj rilatas al U. E. A. proksimume kiel enregistrigitaj societoj rilatas al ŝtato, kun tiu diferenco, ke Esperantiaj Asocioj havas difinitajn rajtojn en U. E. A. kaj iel partoprenas en ĝia regado.

Jen estas la skizo de tiuj du nova malsamaj organoj, kies rolon kaj diferencon estas necese scii. U. E. A. havas do en si ne nur membrojn, t. e. homojn, sed entreprenojn kaj asociojn, t. e. homojn grupigitajn, laŭ iliaj regionaj, profesiaj aŭ ideaj interesoj. Dum pro sia celo U. E. A. estas esence alcentrigita, la entreprenoj kaj asocioj interne de ĝi reprezentos la decentrigitan, memstareman grupiĝon. Se ekzistus nur ĉi tiuj lastaj, ĝi estus anarkio ; se ekzistus nur Asocio kaj membroj, sen alia grupiĝo en movado tiel vastampleksa kiel nia, ĝi estus aŭtokratio; harmonia organizo penos kunigi la bonaĵojn de alcentrigeco kun la bonaĵoj de decentrigeco, ekvilibrigi unuecon kaj liberecon. Laŭ tiu senco, oni devas interpreti la kreon de la supre nomitaj organaroj, kies ĉiuj elementoj cetere jam ekzistas en nia movado.

H. Hodler.

(1) Ni rememorigas, ke *Esperantia* signifas « kiu rilatas al U. E. A. (Esperantio).

(2) Pri tio nun estas sendata cirkulero al ĉiuj grupoj esperantistaj kaj fakaj societoj.

# SOCIA VIVO

## JURO

## KOMERCO & INDUSTRIO

### Pri malkarigo de l'poŝta tarifo
(sekvo)

Ripetfoje la germana komercistaro klopodis atingi malkarigon de korespondaĵoj (en internacia trafiko). Kiam alproksimiĝis la templimo por malfermo de l'internacia poŝta kongreso, okazinta en Romo dum majo 1906, la Senatoroj de la Berlina komercistaro klarigis detale per petskribo, adresita al la Ŝtatsekretario de l'Imperia Poŝtadministrado, kaj per aparta raporto la motivojn, kiuj rekomendas la malpliigon de l'Universala poŝttarifo kaj ĝian egaligon al enlandaj taksoj.

Ili konfesis ke tiu ĉi celo ne tuj, sed iom post iom estus atingebla; tial ili akcentis la neceson, unue starigi apartajn kontraktojn pri malpliigo de la letertarifo, kiaj jam ekzistas inter Germanujo unuflanke, Aŭstrio-Hungarujo kaj Luksemburgo aliflanke, kun ĉiuj niaj samlimaj landoj kaj aliaj ŝtatoj precipe gravaj por nia komerco.

Bedaŭrinde la tempo sekvinta ne alportis plenumon de tiuj deziroj. Laŭ propono de l'Senatoroj de la Berlina komercistaro la demando pri malkarigo de l'universala poŝttarifo estis detale diskutita poste dum la Internacia kongreso de l'komercaj ĉambroj, kiu okazis septembron 1906 en Milano.

Ankaŭ tiam la kompetentaj reprezentantoj de l'en-kaj eksterlanda komerco plej intense montradis, ke pro la rifuza sintenado de l'universala poŝtkongreso en Romo rilate al universala spescenta poŝttarifo, la starigo de specialaj kontraktoj inter apartaj landoj fariĝos des pli necesa, por almenaŭ iom post iom atingi la celon. Por tio la germana « komerctago » (Deutscher Handelstag) nomo de la federacio de la germanaj komercaj ĉambroj) laŭ iniciato de la Senatoroj de la « Berlina komercistaro » petskribis al la imperia kanceliero en julio 1907, ke li faru aranĝojn por la realigo de tiaj apartaj kontraktoj.

Bedaŭrinde ĝis nun ankaŭ per tiu ĉi paŝo efektiva sukceso ne estas atingita. Por tiu ĉi celo la germana komerca kongreso ekscitita de la malplej junuloj de la komercistaro petadis la kancelieron en julio prepari la realigon de tiaj apartaj kontraktoj.

La imperia poŝtadministrado timas, kiel pruvas ripetaj oficialaj kaj duonoficialaj informoj, gravan, ĉe la nunua malfavora financa stato de l'imperio nesufereblan perdon da enspezoj kaj krome kredas, ke la malalta enlanda sendpago ne kompensos la altajn transitelspezojn.

D-ro M. K.

### La eksporto de l'petrolo dum Aprilo

Dum monato Aprilo 1909 oni eksportis jenajn kvantojn da petrolo kaj ĝiaj devenaĵoj, per diversaj limoficejoj de la lando. El ĉiuj en la unua vico estas haveno Constanta.

En Egiptujon 10.702. 276 k. petrolo lumebla.

En Anglujon : 5.413.007 k. lumebla petrolo, 2.752.618 k. mineralaj oleoj.

En Francujon : 33. 644 k. kruda petrolo, 427.792 k. lumebla petrolo kaj 7.401 k. minerala oleo.

En Turkujon : 93.512 k. kruda petrolo, 2.822.834 k. lumebla petrolo, 15.772 k. benzeno, 108.550 k. minerala oleo, 11.110 parafino.

En Germanujon : 1.475.290 k. benzeno.

En Bulgarujon : 215.078 k. kruda petrolo, 135.427 k. lumebla petrolo, 75.045 k. benzeno, 46.478 k. mineralaj oleoj, 482 k. restaĵoj.

En Aŭstrio Hungrarujon : 190.500 k. petrolo kruda, 10.200 k. benzeno.

En Italujon : 167.347 k. kruda petrolo, 10.100 k. parafino.

En Serbujon : 31.345 k. benzeno.

En tute : 19.501.336 k. lumebla petrolo, 700.081 k. kruda petrolo, 2.915.047 k. mineralaj oleoj, 1.591.880 k. benzeno, 22.210 k. parafino kaj 482 k. restaĵoj.

J. Giuglea del. U. E. A.
49/8-I Bukureŝt'o.

## GEOGRAFIO

### La enmigrado en Argentina Respubliko

Ĉiujare elmigras al Sud-Ameriko kaj speciale al Argentina Respubliko miloj da homoj kaj familioj ĉiulandaj, por ĉi tie fari al si novan vivon, serĉi prosperecon kaj vivrimedojn, kiujn ne povas havigi nun Eŭropo. Estas interese scii, kio okazas al la enmigranto je lia alveno kaj kion faras la tiea registaro por helpi lian enloĝiĝon.

Ĉiu ŝipo, kiu albordiĝas Argentinon kaj enhavas enmigrantajn pasaĝerojn de dua kaj tria klaso, estas zorge inspektata de komisiitaro, kiu kontrolas la higienajn kondiĉojn de l'ŝipo, ĝiajn komfortaĵojn, ĉu ĝi transportis normalan ciferon de pasaĝeroj, ĉu la dimensioj de l'kajutoj estas laŭleĝaj, k. t. p. Poste la enmigrantoj estas demandataj kaj klasigataj pri iliaj laborkondiĉoj kaj cellokoj. Tiuj, kiuj rifuzas la profitojn de la leĝo, estas ellasataj kaj konsiderataj kiel simplaj vojaĝantoj. La enmigrantoj, kiuj deziras uzi la leĝon, estas akceptataj ĉe la hotelo de la enmigrantoj, al kiu ilin kondukas antaŭpretigitaj tramoj. Ĉe la hotelo, la enmigrantoj estas enskribataj sur registro kaj al ili estas donata bulteno de restado valora dum kvin tagoj. La enmigrantoj estas taŭge loĝigataj kaj nutrataj, la pakaĵoj estas portataj en specialan domon, kie ilin vizitas doganisto ekskluziva por enmigrantoj. La infanoj estas lakte nutrataj, la malsanuloj estas flegataj en hospitalo ĉe la hotelo mem, la geknaboj estas vakcinataj.

Tuj post sia alveno, la enmigrantoj estas demandataj pri la lokoj, al kiuj ili deziras iri; la labora Oficejo proponas al ili la oficojn, kiujn ĝi konas laŭ la ricevitaj petoj, kun ĉiuj salajraj kaj aliaj kondiĉoj formale enregistrigitaj.

Kiam enmigranto ne trovas peton pri samprofesia ofico, la labora Oficejo mem serĉas por li laboron, sin turnante aŭ telegrafante al la fabrikejoj aŭ laborejoj enlandaj. En la okazo se enmigrantoj deziras esti sendataj al loko, kie mankas ĝuste samprofesia laboro, ili estas avertataj pri tio, tiel ke ili evitu al si malagrablaĵojn. Entute la enmigrantoj estas liberaj iri kien ajn ili volas.

La enmigrantoj estas kondukataj de ekspedoficiroj, kiuj transportigas iliajn pakaĵojn, enregistrigas ilin kaj ilin helpas ĝis ili estas instalataj en la vagonaro aŭ en la riverboatoj.

Je la alveno, la enmigrantoj estas akceptataj de sekretario, senpage loĝigataj kaj nutrataj dum dek tagoj, ĝis ili trovos sian oficon aŭ daŭrigos sian vojaĝon. Oni do vidas, ke ĉio estas prizorgata, ke ĉiuj neeviteblaj malhelpoj de enloĝiĝo estu kiel eble plej malgrandigataj por la envenantoj.

La jenaj ciferoj montras la rapidan kreskon de la enmigrado, nur en Argentino : en jaro 1865, 11.767 enmigrantoj; en 1875, 42.006; en 1885, 108.722; en 1895, 135.205; en 1905, 221.622; en 1907, 209.108; en 1908, 255.750. La enmigrantoj plej parte ne estas okazaj laboristoj, envenantaj nur por la rikolto, sed konstantaj laboristoj; almenaŭ el 250.000, 190.000 definitive enloĝiĝas en Argentino. Male de la antaŭaj, la plimulto de la enmigrantoj dum 1908 konsistas ne el proletarioj, sed el malgrandaj kapitalistoj, kiuj havas monrimedojn por enloĝiĝi kaj komenci ekspluatadon.

La fremduloj havas ĉiujn laŭleĝajn liberaĵojn de komerco, industrio, propraĵo, religio, k. t. p. Ili fariĝas Argentinaj regnanoj post du jaroj kaj tiuokaze estas liberigitaj je milita servo dum dek jaroj. La Argentinigita fremdulo fariĝas tuj elektanto kaj post templimo de kvar ĝis ses jaroj estas elektebla por ĉiuj oficoj (escepte la Prezidanteco kaj Vicprezidanteco, kiuj povas aparteni nur al Argentinanoj naskitaj en la lando mem).

La riĉeco de la Argentina tero estas senlima. Proksimume ekzistas 100.000.000 hektaroj de plugebla tero, 100.000.000 hektaroj difinitaj nun por brutedukado kaj 90.000.000 por montoj, arbaroj, riveroj, lagoj, urboj, dezertoj, k. t. p. El la 100.000.000 hekt. de plugebla tero nur 17.200.000 estas kulturataj (2.000.000, en 1890; 12.000.000, en 1905). La kulturado de l'tritiko kaj lino reprezentas ĉirkaŭ 75 o/o kaj estas farata precipe en provincoj Buenos-Aires. Santa-Te, Cordoba, Entre-Rios, kie la klimato estas tre favora, meeze 17 centigradoj, kaj facila la vivado de la kulturisto; plie la havenoj estas proksimaj, ĉar pro la malmulteco de la loĝantaro kompare kun la grandega produktado, la pli granda parto estas eksportata. En 1908 la suma eksportado de agrikulturaĵoj atingis 483.554.328 $.

La kulturado de l'tritiko, lino kaj maizo estas farata laŭ tri formoj : a) Per la bienhavanto kaj lia familio, kun aŭ sen la helpo de laboristoj; b) sur tero luprenata, kun pago de la luo aŭ dono de parto de la rikolto kiel farmaĵo; c) kuniĝante kun la bienhavanto, la luprenanta farmulo ricevas procenton el la rikolto (30 o/o, 40 o/o aŭ 50 o/o). La kapitalo necesa por ke familio povu ekspluati farmon de 100, 50 aŭ 25 hektaroj, kulturante tritikon, linon kaj maizon estas respektive 6.290 $, 3.800 $ kaj 2.360 $. Se la kulturisto asociiĝas kun la bienhavanto, li ricevas de li la ilojn, la bestojn kaj la semaĵojn; li mem faras la semadon. La profito estas dividata inter la havanto kaj kulturisto laŭ antaŭe fiksitaj kondiĉoj.

Familio povas kulturi kian ajn el la tri tipoj de farmoj kaj, en normalaj jaroj, kun bona laboro, ricevi 1.000 kilogr. de tritiko, 2.000 kilogr. da maizo aŭ 900 kilogr. de lino po hektaro. La neta profito dependas de la kosto de la produktado kaj de la livero de ĉiu rikolto. Tiuj du faktoroj multe varias pro la vasteco de la kulturoj en tiu lando, kie troviĝas centmiloj da hektaroj de virga kaj malkara tero, en kiu sufiĉas enĵeti semon post supraĵa plugo, por ricevi belegan rikolton. En tiaj favoraj kondiĉoj kaj dank'al la agrikultura maŝinaro, kiu ebligas kulturadon de vastaj spacoj kun malmultaj homoj, la kulturisto ĉiam havas ŝancojn de sukceso. Ĝuste tial plimultiĝis la kulturoj, ĉu en la virgaj teroj dividataj kaj vendataj de la posedantoj po malkaraj prezoj, ĉu en teroj luitaj por 4-5 jaroj kontraŭ mono aŭ rikolta procento. Oni komprenu, ke se iaj teroj malmulte aŭ malbone produktas, aliaj donas 1.500-2.000 kilogr. de tritiko po hektaro, sen bezono de irigacio aŭ produkthelpo.

La teritororio de la Respubliko Argentina ampleksas 2.950.120 kvadrat-kilometrojn; ĝi estas tiel granda kiel Aŭstrio, Germanujo, Skandinavio, Francujo, Italujo, Holando, Belgujo kaj Irlando kune; ĝi do povus, kun la denseco de Italujo, enhavi 330 milionojn da loĝantoj. Nun ĝi havas 6 436.248 loĝantojn. Oni do vidas, ke ne mankas loko por la enmigrantoj (1).

A. R.

(1) El « Le Figaro », speciala aldono pri Argentino.

**Ni informas ĉiujn personojn, kies abono finiĝis kaj kiuj ne informis nin pri sia intenco ne reaboni, ke ni enkasigos la abonmonon per la poŝto, aldonante la poŝtelspezojn. Ni kore petas, ke oni bonvolu favore akcepti la diritajn poŝtrepagojn kaj daŭrigi al ni sian necesegan apogon**

**ESPERANTO.**

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Multlingva Scienco! Dudek ses nacioj kunvenas ĉe Kensington.

Tre malofte havas Londono internacian anaron similan al la membroj de la sepa internacia Kongreso de industria ĥemio, kunvenintaj ĉe Kensington dum la lastaj tagoj de majo.

Dudek ses Registaroj estis sendintaj reprezentantojn. La nombro de la delegitoj estas supera al tri mil.

Ili reprezentas la plej famajn kaj la plej lertajn sciencistojn rilate la diversajn ĥemiajn industriojn. Estis dekunu sekcioj, kaj ses subsekcioj, tial ke samtempe dek sep diversaj temoj estis diskutataj.

La paroladoj estas faritaj en angla, franca, germana kaj itala lingvoj. Estis delegitoj el Algerio, Argentino, Ĥinujo, Kolombio, Ĉilio, Ekuadoro, Grekujo, Indio, Japanujo, Rumanujo, Serbujo, Usono kiel ankaŭ el la plej proksimaj landoj.

Ĉiu grava universitato, asocioj de fabrikistoj, sciencaj revuoj el multegaj lingvoj, societoj de fizikistoj, kaj ĥemiistoj, organizacioj de analizistoj, kulturistoj, inĝenieroj; bierfabrikistoj fotografaj eksperimentistoj, k. c. estis tie ĉi reprezentataj.

Tiu interesa kongreso okazas ĉiutrijare en la ĉefurbo de iu ajn lando. Proksiman jaron ĝi estos en Ameriko. La aganta prezidanto estis S-ro William Ramsay — kies nomon la esperantistoj ne devas esti forgesintaj, tial ke antaŭ kelkaj jaroj li aliĝis al Esperanto — kaj inter la vicprezidantoj estis naŭ ambasadoroj kaj ses membroj de la Registaro.

La sceno ĉe la Reĝa Kolegio de Sciencoj estis vidinda kiam la tri mil delegitoj eniris la grandan halon por serĉi siajn programojn kaj kartojn. Kelkaj interpretistoj devis respondi demandojn de la ĉeestantoj en pli ol tridek lingvoj kaj tre ofte okazis ke iu malfeliĉa membro devis sin turni al tri aŭ kvar el ili antaŭ ol esti komprenita.

La salutoj kaj interparoladoj de la plej famaj ĥemiistoj kiuj sin ne estis vidintaj de la lasta Kongreso en Romo, la ridadoj; k. t. p. en tiuj multaj lingvoj faris ne direblan bruon. La anglo alvenas! Meze de tiu bruego iu fremdulo !!! alvenas al iu interpretisto por peti informon. La tradukisto al li demandas germane ĉu li estas Germano? en franca lingvo ĉu li estas Franco kaj en itala ĉu li estas Italo. La fremdulo skuas la kapon, kaj dum la interpretisto eble preparis siajn novajn demandojn ĉu en dana aŭ japana lingvo, li prezentas siajn paperojn, ĉiujn skribitajn en angla lingvo. Li efektive estis sendito de la Milita Ministrejo!

Tiu okazaĵo klare montras la miksaĵon de l'nacioj tie kunvenintaj. Tre malofte la angla lingvo estis aŭdata. Jen la Franca estis la plej komuna kaj poste la germana.

Post kelkaj tiaj okazaĵoj estis decidita, ke la francaj tradukistoj havos ruĝan ĉapon, la germanaj bluan kaj la italaj verdan.

Neniu esperanta tradukisto sin tie trovis! Neniu el la ĉeestantoj ŝajni eĉ scii ke Esperanto ekzistas, kaj tamen kiun profiton ĉiuj tiuj sciencistoj ne estus ricevintaj se ĉiuj paroladoj estus faritaj en la nova lingvo. Kiu gajno da tempo! Kiu forigo de malkompreno! Tiuj lertaj sciencistoj bezonus ĉeesti iun el niaj Kongresoj por scii ĝi pri la profito ricevota de Esperanto. Bedaŭrinde ili estas tro lertaj... por sin okupi pri Internacia lingvo.

P. B.

### La Derby!

En diversaj landoj, mi ĉeestis incitigajn scenojn, sed neniam, laŭ mia memoro, mi vidis entuziasmon similan al tiu montrita de la popolo post la sukceso de l'reĝo, kaj kiu restos fama en la analoj de la ĉiekonata ĉevalkurado,

Post la unua momento de entuziasmo, mi parolis kun maljuna nobelo kiu estis vidinta la Derby de pli ol 30 jaroj kaj kun junulino kiu ĝin vidis la unuan fojon. (Por mi estis la duafoje). « Mia kara », li diris, « vi estas feliĉa por via unua Derby. Neniam vi vidos similan ». Kaj tio estis la opinio de ĉiu ĉeestanto; ĉar estis la unuafoje, ke Reĝa ĉevalo sukcesis gajni tiun kuradon, de kiam Eduardo VII estas Reĝo.

La plej miriga afero koncerne tiu sceno estis ĝia subiteco. Ĉe la ekkurado, ĉio estis silento, terura silento, kaj unu momenton poste la aero estis plena je kriegoj de l'popolamaso, ĉiuj feliĉaj pro la reĝa sukceso, ĉiuj agitante manojn, ĉapelojn, naztukojn k. t. p., la virinoj, sin interkisante k. c. k. c.

La bariloj ĉirkaŭ la kuradejo estis supersaltitaj antaŭ la palisaro povu ĝin malhelpi, ĉar ĉiuj deziris alproksimiĝi la reĝon kaj sian ĉevalon, la heroon de l'tago. Estas la unua fojo en la historio de Britujo la reĝa ĉevalo gajnis tiun ĉefan sportan okazaĵon!

La reĝo ŝajnis tute surprizita pri sia sukceso, kaj lia tuta familio kaj sekvantaro estis feliĉegaj. Post mallonga tempo, la Reĝo forlasis sian seĝon, ridedante pro kontento, kaj salutante la amason de siaj fidelaj landanoj, aliris al la venkinto. La aplaŭdoj kaj kriegoj, ĉesintaj dum sekundo, rekomencis kiam la ĉeestantaro vidis la reĝon marŝantan al sia ĉevalo. Miksita inter la ordinaraj sportamantoj li malfacile povis antaŭeniri, kaj la policanoj komencis malantaŭen puŝi la rigardantojn, sed, levante la manon, la reĝo al ili diris: « Ĝentile, ĝentile. Ili estas ĉiuj miaj fidelaj regatoj. Ili faros al mi vojon por pasi ».

Kaj efektive estis mirinda, kiel rapide vojo estis farita por li. La antaŭaj personrangoj fariĝis lia korpogardistaro. Ili sin prenis brako ĉe brako kaj formis veran vivan muron. Tra la mallarĝa vojeto tiel farita en la densa amaso de aplaŭdanta homaro, la reĝo promenadis sen la plej malgranda signo de timo. Ĉiam ridetante, ĉiam salutante, tiel trankvila, kiel li estas promeninta inter rangoj de soldatoj, li alvenis al lia ĉevalpreparanto, kiu tenis la gajninton per la brido.

La reĝo ĝin karesis kaj ĝin kondukis ĝis la ĉevalpezejo, dum la ĉeestantaro denove pli kaj pli aplaŭdis kaj kriegis ĝis frenezeco.

Post pezado de l'ĉevalo kaj de l'ĵokeo, kiam la rezultato estis oficiale afiŝita, la silkaj ĉapeloj, ĉapoj kaj naztukoj plian fojon estis svingitaj kun granda entuziasmo laŭ la longeco de l'kuradejo. La muzikistoj ludis « Dio Sav la reĝ' » dum la tuta ĉeestantaro ĥore ĝin kantis. Pro kortuŝeco la reĝino kaj la Princino de Kimrujo silente ploretis.

Reveninte sian loĝion, lia reĝa Moŝto manpremis siajn multajn amikojn, dezirantajn lin gratuli por baldaŭ poste forlasi Epsom.

La Derby'o estas la liberaera festo de la Londonanoj; kia ajn estu la vetero ili ĝin partoprenas. Malgraŭ la pluvego kiu falegis de tri tagoj, multaj centmiloj da geviroj kaj infanoj sin direktis al la kuradejo; neniuokaze la malbona vetero povas malgrandigi la ĝojon de l'veraj sportamantoj. Tiun ĉi jaron la espero ĉeesti la sukceson de l'Reĝo venigis amason pli grandan ol la antaŭaj jaroj; la Amerikanoj ankaŭ estis multenombraj, ĉar ili esperis ke la venko estas ilia. Malfeliĉa okcidento malhelpis la plenumon de iliа espero.

Malgraŭ tio, ili ne kaŝis sian plezuron esti venkitaj de la Reĝo, la unua sportisto en granda Britujo. Kaj mi aŭdis, iun bone konatan Nov-Yorkanon dirantan « Se iu alia ĉevalo estis gajninta, ni certe estu estintaj kontemaj; sed esti venkita de lia Reĝa Moŝto Eduardo, nu, mi opiaias, estas vera honoro, ĉu ne?

Iliaj rimarkoj pri la maltimo de l'Reĝo promeni inter la popolamasoj esti tre interesaj. Ili ĉiuj miriĝis pri tio kaj diris ke neniu alia monarho en la mondo intermiksus kun siaj regatoj, tiel demokratmaniere, ĉu pro timo, ĉu pro fiereco. « Via Reĝo », aldonis unu el ili, estas pli proksima de ni ol niaj Prezidantoj estas de ni. Estas agrable pensi ke oni havas Reganton kiu partoprenas la publikajn amuzaĵojn kaj nepre fidas siajn subulojn. Tio ebligas min koni la Britan popolon pli bone ol antaŭe.

Priparoli la kuradon mem, mi ne povos, ĉar estas mi malmulte interesata pri la ĉevalsportoj kaj do malbona sporta raportisto.

P. B. (Londono).

### Internacia Literatura Konkurso

La filozofia revuo « Coenobium » malfermas internacian konkurson pri la jena temo:

« Estas eble pacigi en supera sintezo la bezonon logikan, kiu altiras l'animon modernan al scienco kaj la bezonon psikologian kiu ĝin portas al fido! »

(Laŭ originala itallingva teksto: « E'possibile conciliare in uno sintesi superiore, il bisogno logico, che attira l'anima moderna verso la scienza, e il bisogno psicologico che la porta verso la fede! »).

Unu premio da lirojn 700 (sm. 280), kaj unu de Liroj 300 (sm. 120) estas destinataj al du plej bonaj artikoloj skribataj en lingvo itala, franca, angla aŭ germana.

La artikolojn, pri kiuj oni ne altrudas limigon de spaco, oni devas sendi, afrankite, antaŭ la 30ª de Junio n. j. al la Direkcio de la « Revuo Coenobium » en Lugano, subskribataj aŭ ne de la autoroj., laŭvole.

C. S. (Verona).

## La Faktoj

10 Majo. Ĝenovo. — Eksplodo de la fabriko de eksplodaĵoj « Prometeo »; dek mortintoj.

Konstantinoplo. — Ceremonio de la livero de la historia sabro de Osman al nova sultano.

11. Peterburgo. — Komenciĝas la proceso kontraŭ l'eksdirektoro de la polico Lopuĥine, kulpigita je alta perfido.

12. Parizo. — Novaj malordoj ekcistitaj de la oficistoj poŝttelegrafaj.

13. Peterburgo. — Lopuĥine estas kondamnata je 5 jaroj da punlaboroj kaj je la perdo de la civilaj rajtoj.

Albany (Novjorko). — Eksplodo de dinamito mortigas 29 laboristojn de ŝtonminejo.

14. Vieno. — Alveturo de la Germanaj geimperiestroj.

15. Mulhouse. — Terura ektuŝego de vaporanoj en Alsacio apud Colmar; kvar fervojoficistoj pereas; iuj vojaĝantoj restas vunditaj.

16. Romo. — Unua kunsido de la kongreso por la Eŭropa Federacio.

17. Romo. — Inaŭguro de arta ekspozicio de la pensiuloj en la Franca Akademio de Villa Medici.

Milano. — Inaŭguro de la VI internacia kongreso de la kotonindustriistoj.

Londono. — Alveturo de aerveturanto Wellmann kiu provos novan vojaĝon al la norda poluso en direktebla aerŝipo.

19. — Addis-Abeba. — Lig Yasu estas solene proklamita heredanto de la Etiopa trono.

Aden. — La angloj atakas la Mullah kaj reakiras 600 kamelojn.

Peterburgo. — La Caro ordonas la liberigon de generalo Stoessel kaj admiralo Niebogatoff arestitaj en la fortikaĵoj Petro kaj Paŭlo.

19. Firenco. — Solena inaŭguro de la nacia kongreso de la profesiaj malsanoj.

Londono. — Mortas la fama romanverkisto Georgo Meredith.

20. Romo. — Solena beatigo en baziliko Sankta Petro, de Jozefo Oriol kaj Klemento Offauer.

Kostantinoplo. — Mahometo Vª solene ĵuras antaŭ la deputataro.

21. Aspern. — Je la ĉeesto de imperiestro Francisko Jozefo oni solene rememorigas la jarcentfeston de la batalo de Aspern.

23. — Nico. — Grandaj festoj por rememorigi la balalon de Essling.

24. — Romo. — Inaŭguro de la dua kuracista kongreso pri la malfeliĉoj de la laboro.

Kostantinoplo. — Ĉe la deputataro Hilmi paŝao legas la programon de la registaro.

26. Vieno. — Komenciĝas la solenaj festoj por la centjaro de Jozefo Haydn.

Londono. — Inaŭguro de la VII kongreso internacia de aplikita ĥemio.

28. Katanjo. (Sicilio). — Inaŭguro de kongreso de mara itala ligo.

Arles. — Komenciĝas la festoj per la duonjarcento de *Mirejo*, poemo de la provenca poeto Fredriko Mistral.

27. — Parizo. — Prezidanto Fallieres sole[ne] ricevas la Marokan senditaron.

30. Palestro. — Rememoro de la batalo [de] 1859.

Arles. — Inaŭguro de monumento al poe[to] Mistral.

A. Tellini.

## TRA LA MONDO

### Vojaĝo tra la valo de Rejno

*(Daŭrigo)*

Por forveturi de Bad-Godesberg ni suriras ŝipon, ĉar en tiel bela regiono kaj sur tiel belaj ŝipoj la veturado sur la rivero estis pli agrabla ol sur la relvojo. Ni revidas al Godesberg kaj ĝia Rejnpromenejo antaŭe, ĝia kastelruino mal-



RHEINBRÜCKE BEI KOBLENZ

antaŭe; ni pasas la urbeton Konigswinter, ni traveturas inter la du insuloj Grafenwerth kaj Nonnenwerth, ni salutas al Rolandseck kaj adiaŭas al la « Sep Montoj », kiuj baldaŭ malaperas en la malproksimo. Sur la maldekstra bordo ni rimarkas la urbeton Remagen, de kie oni vizitas la romantikan valon de Ahr kaj la banlokon Neuenahr; poste la kastelon « Rheineck » kaj Andernach, tre malnova urbo, kiu havas multajn antikvajn murojn kaj turojn; sur la dekstra bordo troviĝas i. a. la ruino « Hammerstein » kaj la urbo Neuwied kun la palaco de la princo de Wied en belega parko.



BAD-GODESBERG

Post kvarhora veturo ni atingas la fortikaĵon Ehrenbreitstein sur la dekstra bordo kaj maldekstre la kunfluejon de Rejno kaj Mosel kun grandioza monumento de la imperiestro Vilhelmo Iª; en la angulo kuŝas la urbo « Koblenz ».

Koblenz estas bela urbo je 60.000 enloĝantoj. Vidindaj estas kelkaj konstruaĵoj (ekz. preĝejoj, la guvernejo, la nova stacidomo) kaj precipe la belegaj ĝardenaĵoj laŭlonge de la



RHEINBRÜCKE BEI BONN

Rejno, kreitaj de la imperiestrino Aŭgusta. L[a] loko estas tre konvena por ekskursoj, ekz. [al] la belaj riveroj Mosel kaj Lahn, al la kaste[lo] « Stolzenfels », k. t. p.

Post nia vizito al Koblenz ni denove surir[as] ŝipon. Ni veturas sub du pontoj, kaj bald[aŭ] aperas sur la dekstra bordo la enfluejo de Lah[n] inter du urbetoj, sur la alia bordo la grandio[za] kastelo « Stolzenfels ». Kaj nun komenciĝas [la] longa vico de la malnovaj kastelruinoj; [k]« supre staras sur la montoj » kaj salutas [la] gajajn homojn, kiuj pasas en la valo. La rive[ro] pli kaj pli mallarĝiĝas. Nudaj krutaj ŝtoneg[oj] premas ĝiajn ondojn de ambaŭ flankoj. L[a] relvojoj sur la bordoj ofte ne havas plu spaco[n] kaj devas penetri tra la montoj per tunel[oj]. Pro la multaj kurbiĝoj de la river[o] Placo de la Kvar Lagoj ĉe Boppard, [l'] okulo de la ravata rigardanto ricevas kon[s]tante aliajn impresojn. Jen la kastelruinoj su[r] la montoj, ekz. la « Marksburg », la tiel nomat[aj] « Malamikaj Fratoj » Sternfels kaj Liebenstein aŭ la « Katz » (kato) kaj la « Maus » (muso) jen kastelo eĉ meze sur la Rejno: la « Pfalz » ĉe Caub; jen la krutaj ŝtonegoj, la plej fam[a] el ili: la « Lorelej ». Estu atentaj, dum vi pr[o]terveturos, por ke vi vidu la belan knabinon, kiu sidas sur la supro de la monto! Kaj se vi vidas ŝin, akompanu la germanajn pasaĝerojn per la vortoj de nia Majstro:

> « Plej belan knabinon mi vidas:
> En ora ornamo brilante,
> Sur supro de l'monto ŝi sidas,
> La harojn mistere kombante. »

F. ARNTZ, Bad-Godesberg.

FELIETONO DE « ESPERANTO » 7

## RAKONTO

PRI

# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### V. Vi kisu kaj silentu.

*(Daŭrigo)*

Ili sidiĝis. La kolonelo stariĝis en pripensita pozo, metinte la dekstran manon sub la surtutrando.

Sergej sidis unu momenton, ekvidis proksime la sulkiĝintan vizaĝon de la patrino kaj salte leviĝis.

— Sidu, Serĉjo, — petis la patrino.

— Sidiĝu, Sergej, ripetis la patro.

Ili iom silentis. La patrino strange ridetis.

— Kiel ni petklopodis por vi, Serĉjo. La patro...

— Senbezone, patrinjo...

La kolonelo aŭtoritate diris:

— Ni devis tion fari, Sergej, por ke vi ne pensu, ke la gepatroj vin forlasis.

Ili ree silentis iom. Estis timige elparoli vorton, kvazaŭ ĉiu vorto perdis sian sencon kaj signifis nur solan: la morton. Sergej ekrigardis la purigitan, odorantan benzinon, surtuton de la patro kaj ekpensis: nun li ne havas servosoldaton, sekve li mem purigis la surtuton? Verŝajne, matene. Kaj subite li demandis:

— Kaj la fratino kiel? Ĉu ŝi estas sana?

— Ninjo scias nenion, — rapideme respondis la patrino.

Sed la kolonelo severe haltigis ŝin.

— Por kio mensogi? La knabino legis en gazetoj. Li Sergej Sciu, ke ĉiuj... liaj parencoj... tiam... pensas kaj...

Li ne povis plu daŭrigi kaj haltis. Subite la vizaĝo de l' patrino iel samfoje kunpremiĝis, fariĝis larĝa, ektremis kaj iĝis malseka kaj sovaĝa. La velkaj okuloj sensence eliĝis, la spirado ĉiam fariĝis pli ofta, mallonga kaj pli laŭta.

— Se... Ser... se... se... — ripetadis ŝi, ne movante la lipojn. — Se...

— Patrinjo!

La kolonelo ekpaŝis antaŭ en kaj, tremegante per ĉiu faldo de surtuto, per ĉiu sulketo de l' vizaĝo, ne komprenante, kiel li mem estas terura pro lia morta paleco, pro lia perforta senesperiga firmeco, li ekparolis al la edzino.

— Silentu! Ne turmentu lin! Ne turmentu! Ne turmentu! Lin atendas la morto! Ne turmentu!

Timigita ŝi jam silentis, kaj li ĉiam ankoraŭ sinregeme skuadis ĉe la brusto la kunpremitajn pugnojn kaj ripetadis: — Ne turmentu!

Poste li iris malantaŭen, metis la tremantan manon sub la surtutrando kaj laŭte, kun perforte trankvila esprimo demandis per blankaj lipoj:

— Kiam?

— Morgaŭ matene, — per tiaj same blankaj lipoj respondis Sergej.

La patrino rigardis malsupren, maĉadis per la lipoj kaj kvazaŭ nenion aŭdis. Kaj daŭrigante maĉi, ŝi kvazaŭ faligis simplajn kaj strangajn vortojn:

— Ninjo ordonis vin kisi, Serĉjo.

— Vi kisu ŝin je mi, — diris Sergej.

— Bone. Ankaŭ la gesinjoroj Ĥvostovoj salutas vin.

— Kiaj Ĥvostovoj? Ah, jes!

La kolonelo interrompis:

— Nu, oni devas iri. Leviĝu, patrino, oni devas.

Duope ili levis la malfortiĝintan patrinon.

— Adiaŭdiru! — ordonis la kolonelo. — Krucsignu.

Ŝi faris ĉion, kion oni diris al ŝi. Sed krucsignante la filon kaj kisante per mallonga kiso, ŝi skuadis la kapon kaj sensence ripetadis:

— Ne, tio ĉi ne estas tiel. Ne, ne tiel. Ne, ne. Kiel do mi poste? Kiel do mi diros? Ne, ne tiel.

— Adiaŭ, Sergej! — diris la patro. Ili premis la manojn kaj forte, sed mallonge sin kisis.

— Vi... — komencis Sergej.

— Nu? — interrompe demandis la patro.

— Ne, ne tiel. Ne, ne. Kiel do mi diros? — ripetadis la patrino, skuante la kapon. Ŝi jam ree sukcesis sidiĝi kaj tuta balanciĝis.

— Vi... — denove komencis Sergej. Subite lia vizaĝo mizere, infane kunpremiĝis kaj la okuloj momente pleniĝis per larmoj. Tra la fajreranta faceto de larmoj li ekvidis proksime la blankan vizaĝon de l' patro kun samaj okuloj

— Vi, patro, estas nobla homo.

— Kion vi! Kion vi! — ektimis la kolonelo. Kaj subite, kvazaŭ rompiĝinte, lia kapo falis sur la ŝultron de l' filo. Li estis iam pli alta, ol Sergej, do nun li fariĝis malalta kaj lia lanuga, seka kapo, kiel blanka buleto, kuŝis sur la ŝultro de l'filo. Kaj ili ambaŭ sensone, avide kisis: Sergej la blankajn, lanugajn harojn, kaj li la malliberulan mantelon.

— Kaj mi? — subite diris laŭta voĉo.

Ili rerigardis: la patrino staris kaj, levinte la kapon, rigardis kolerege, preskaŭ kun malamo.

— Kio vi, patrino? — ekkriis la kolonelo.

— Kaj mi? — skuante la kapon, diris ŝi kun freneza sonesprimo. — Vi vin kisas, kaj mi? Viroj, jes? Kaj mi? Kaj mi?

— Patrinjo! — ĵetis sin Sergej al ŝi.

Tiam okazis tio, pri kiu oni ne povas kaj ankaŭ ne devas rakonti.

La lastaj vortoj de kolonelo estis:

— Mi benas vin al la morto, Serĉjo. Mortu kuraĝe, kiel oficiro.

Kaj ili foriris. Iel foriris. Ili estis, staris, interparolis — kaj subite foriris. Jen tie ĉi sidis la patrino, tie staris la patro — kaj subite iel foriris. Reveninte en la ĉelon, Sergej kuŝiĝis sur litaĵon per la vizaĝo al la muro, por sin kaŝi de la soldatoj, kaj multe ploris. Poste, lacigita de larmoj, li forte ekdormis.

---

Al Vasilij Kaŝirin venis nur la patrino, — la patro, riĉa negocisto, ne deziris veni. Vasilij renkontis la maljunulinon, paŝante tra la ĉambro kaj tremante pro malvarmo, kvankam estis varme, eĉ varmege. Kaj la interparolo estis mallonga kaj suferiga.

— Ĝi ne valoris veni, patrino. Vi nur suferigos vin kaj min.

— Por kio vi tion ĉi, Vaĉjo! Por kio vi tion ĉi faris! Oh, Dio! — La maljunulino ekploris, viŝante sin per la angulpintoj de nigra lana tuketo. Kaj laŭ sia, kaj de liaj fratoj, kutimo krii je l'patrino, kiu nenion komprenas, li haltis kaj, tremante de l'malvarmo, kolere ekdiris:

— Nu jen! Mi tion sciis! Vi ja nenion komprenas, patrino! Nenion!

— Nu, nu, bone. Kio estas al vi — malvarme?

— Malvarme... — interrompis Vasilij kaj denove ekmarŝis, strabe, kolere rigardante la patrinon.

— Verŝajne vi malvarmumis?

— Aĥ, patrino, kia malvarmumo nun, kiam... Kaj li senespere eksvingis la manon. La maljunulino volis diri: « kaj nia jen ordonis lundon baki flanojn », sed ektimis kaj laŭtploris:

— Mi diris al li: tio ĉi estas ja filo, iru, donu indulgon.

Ne, obstinas, maljuna virkapro...

— Nu al diablo lin! Kia patro li estas al mi! Kia abomenulo li estis la tutan vivon, tia li restis.

— Vaĉjo, tiel do pri la patro!... La maljunulino riproĉe rektiĝis.

— Pri la patro.

— Pri la propra patro!

— Kia propra patro li estas al mi!

Estis sovaĝe kaj sensence. Antaŭ staras la morto, kaj jen okazas io malgrava, vana, ne bezona kaj la vortoj krakis, kiel malplena nuksa ŝelo sub la piedo. Kaj preskaŭ plorante — de angoro pro tiu ĉiama nekompreno, kiu la tutan vivon staris inter li kaj liaj parencoj kaj nun en la lasta antaŭmorta horo sovaĝe malfermegas ĝiajn etajn malsaĝajn okulojn — Vasilij ekkriis:

— Komprenu do vi, ke oni pendigos min! pendigos! Ĉu vi komprenas, aŭ ne? Pendigos!

— Se vi ne atakus la homojn, oni do vin... kriis la maljunulino.

— Dio! Kio do ĝi estas tio ĉi! Eĉ inter la bestoj tio ne okazas. Ĉu mi estas filo por vi, aŭ ne?

Li ekploris kaj sidiĝis en angulo. Ekploris ankaŭ la majunulino en alia angulo. Senkapablaj eĉ por unu momento kuniĝi per ama sento, kiun ili metus kontraŭ la teruro antaŭ la proksimiĝanta morto, ili ploris per malvarmaj larmoj de soleco. La patrino diris:

— Jen vi diras, ĉu mi estas patrino por vi, aŭ ne, riproĉas. Mi do dum tiuj ĉi tagoj fariĝis tute grizhara, maljuniĝis. Kaj vi riproĉdiras.

— Nu bone, bone, patrino. Pardonu. Estas jam tempo iri. Kisu vi tie la fratojn.

Ĉu mi ne estas patrino? Ĉu mi ne kompatas? Fine ŝi foriris. Maldolĉe ŝi ploris, viŝante sin per la angulpintoj de tuketo, ne vidis la vojon. Kaj ju pli ŝi malproksimiĝis de la malliberejo, des pli verŝiĝis la malĝojegaj larmoj.

Ŝi reiris al la malliberejo, poste ŝi strange perdis la vojon en la urbo, kie ŝi naskiĝis, kreskis, maljuniĝis. Ŝi envagis ian malzorgatan ĝardeneton kun kelkaj maljunaj rompitaj arboj kaj sidiĝis sur degelinta, malseka benko. Kaj subite ŝi komprenis: morgaŭ oni pendigos lin.

La maljunulino salte leviĝis, volis kuri, sed subite la kapo forte ekturniĝis kaj ŝi falis. La glacia vojeto malsekiĝis, estis glitiga kaj la maljunulino neniel povis leviĝi: turniĝadis leviĝetis sur la kubutoj kaj genuoj kaj denove faladis flanken. La nigra tuko forŝoviĝis de l'kapo, malkovrinte sur la nuko senharaĵeton inter la malpurgrizaj haroj; kaj ial ŝajnis al ŝi, ke ŝi festenas edziĝon: oni edzigas la filon kaj ŝi trinkis vinon kaj forte ebriiĝis.

— Mi ne povas. Je l'Dio, mi ne povas! — rezignis ŝi, skuante la kapon, kaj rampadis sur la glacia, malseka planko, sed oni ĉiam enverŝis al ŝi vinon, ĉiam enverŝis.

Kaj la koro jam doloras de ebria ridado, de regaladoj, de sovaĝaj dancoj — tamen oni ĉiam enverŝis al ŝi vinon. Ĉiam enverŝis.

*(Daŭrigota).* D-ro J. Ostrovski.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## U. E. A.

## OFICIALA INFORMILO

**Fako Iª : ADMINISTRADO**

*Voĉdonado.*

La voĉdonado pri la proponitaj paragrafoj rilataj al *Esperantiaj Entreprenoj* kaj *Esperantiaj Asocioj* liveris la jenaj rezultatojn :

Voĉdoniloj ricevitaj : 72.
Voĉoj esprimitaj : 79.
Jes : 75.
Ne : 4.

Konsekvence, la aldono al ĉapitro II kaj ŝanĝoj de § 21 kaj 22 de la regularo estas regule akceptitaj.

Por U. E. A.,
H. Bolingbroke Mudie, prezidanto.
H. Hodler, administra fako.

*Delegitoj & Subdelegitoj.*

Ni informas ĉiujn niajn Delegitoj & Subdelegitojn, ke de la *1ª de Julio* estos plene aplikataj § 9 kaj 16 de nia regularo, tiel formulataj :

§ 9. — En ĉiu regiono, kie estas almenaŭ 20 membroj de U. E. A. ekzistas delegito kaj vicdelegito. La vicdelegito kaj delegito estas balotataj de la membroj en sia regiono por du jaroj. Ili estas konstante reelekteblaj.

§ 16. — Tuj kiam en lia loko, la nombro de la membroj de U. E. A. atingos 20, tiam la subdelegito, post informo al la komitato, fariĝas plenrajte delegito.

El ĉi tio sekvas, ke ĉiuj ĝisnunaj Delegitoj, kiuj ne estos varbintaj minimume 20 membrojn, fariĝos Subdelegitoj. Memkompreneble, ili refariĝos Delegitoj, kiam ili estos varbintaj la necesan minimumon.

Laŭ § 18, ĉiu Del. havas tiom da voĉoj kiom da 50 membroj li reprezentas. Ĝis nun plenumas tiun kondiĉon la Del de la jenaj lokoj : Abbeville (3), Danzig (3), Bromberg (2), London (2), Magdeburg (2), Moskvo (2), Paris (2).

Ni plej kore dankas kaj gratulas la Del. de tiuj lokoj pro ilia agemeco kaj kunhelpo por nia afero.

*Oficiala Bulteno — Nº 2.*

Ni kore dankas ĉiujn Del. & Subdel., kiuj sendis al ni la respondilon al la Oficiala Bulteno kaj klopodis por la plenumo de la punktoj pritraktitaj en la antaŭaj cirkuleroj. Ni treege petas, ke la neankoraŭ respondintaj Del. & Subdel. ne prokrastu la alsendon de sia respondilo. Ni publikigos ĝeneralajn rimarkojn pri la respondoj ricevitaj en nia proksima nº.

*Nacilingvaj broŝuroj.*

La nacilingvaj jam aperintaj broŝuroj pri U. E. A. estas mendeblaj ĉe la jenaj adresoj :

Por *itala* lingvo, S-ro A. Tellini, 12. Casella postale, *Bologna* (Italujo).

Por *hispana* lingvo, S-ro P. Linares, Hto Babilo, *Cordoba* (Hispannjo).

Por *Germana* lingvo, S-ro D-ro Kandt, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germanujo).

Por *franca* lingvo, Esperantio, 8, Rue Bovy-Lysberg, Genève (Svisujo).

Memkompreneble, ĉiuj mendoj povos ankaŭ esti plenumataj per la lasta adreso, sed por plirapidigi la alsendadon kaj malpligrandigi la poŝtelspezojn, ni starigis ekspedejon en ĉiu

*Novaj Subdelegitoj.*

Benares (Indio). — S-ro Sandar B. Vaidya, Central Hindu College,

Cette (Franc., Herault). — S-ro J. Blanc, 15 Quai du Pont-Neuf.

Colora Springs (Usono). — S-ro C. Balkam, Post Box 873.

Doullens (Franc, Somme). — S-ro L. Sauvage, rue des Neuf-Moulins.

Gratz (Aŭstrio). — S-ro P.-K. Geier, Herrengass 7,III.

Harkov (Rus.). — S-ro V. Suĥoj, Vokzal, do vostrebovanija.

Heinola (Finlando). — S-ro J. Ruokonen.

Helmstedt (German.). — S-ro Ad. Pape, Vall 1.

Karlin (Bohem). — S-ro St. František, Vitkova ul. 25.

Leicester (Anglujo). — S-ro Mugglestone, Esperanto-house.

Liege (Belg.). — S-ro L. Lebau, 40, rue Sur-Fontaine.

Linkoping (Sved.). — S-ro Bengt Arre.

Lübeck (German.) — S-ro Mobrusz, Seminar Direktor.

Nice (Franc.). — Lieut. Martin, 6e bat. chasseurs.

Novoĉerkask (Rus.). — S-ro Wad Gerlivanov, Pesĉanaja 128.

Oviedo (Hispan.). — S-ro F. Braya, str. ...zo 8.

Oxford (Anglujo). — S-ro C. Flugel, Balliol College.

Paderborn (German.). — S-ro J. Vogel, ...sternstr. 26.

Ploesti (Ruman.). — S-ro E.-T. Haimsohn, ... Romana 22.

Praha VII. (Bohem). — S-ro Svoboda, Holešovice 720.

...ebdorf (German. Bavar.). — S-ro L. Von ...offstein, Post Lichstatt.

Spandau (German, Brandenburg.) — S-ro Wancek, Charlottenstr. 4.

...ay (Franc., Sarthe). — S-ro Tortevois.

Winnitza (Rus., Podol.). — S-ro J. Barclay Tolly.

Wolfenbuttel (German.). — S-ro W. Bri... Campestr. 4.

Žmerinka (Rus., Podol.). — S-ro G. Gehr...n.

...ute 637 lokoj, 206 del. kaj 452 subdel.

*Ŝanĝoj :* La Del. de *Berlin*, S-ro W. Mar...d, estas devigata pro profesiaj kaŭzoj forlasi sian oficon. Ni kore dankas lin pro lia ...una helpo. Oni provizore sin turnu al la ...del. — La Subdel de *Gijon*, S-ro Maraurij, ...inte pli ol 20 membroj, fariĝas Delegito. — Oni provizore forstreku *Madrido* el la listo de niaj Del. — La Vicdel. en *München* estas nun S-ro J. Meiler, Nordenstr. 23/III. — La Vicdel. en *Rostov* estas S-ro M.-J. Fetisov, Skobelevskaja 60. — La Subdel de *Saint-Jean-de-Maroni* loĝas nun en *Cayenne* (Gujano).

**Fako IIª : FINANCOJ**

*Por faciligi monsendojn.*

Jam ofte oni esprimis la deziron, ke U. E. A. trovu oportunan rimedon por plifaciligi la ĝirojn de negravaj sumoj inter Del. & Subdel. de U. E. A. kaj eventuale inter Esperantianoj. Por kontentigi tiun deziron, la financa fako decidis provi la jenan rimedon, laŭ la ideo jam esprimita de S-ro Carles (Esperanto, nº 54) :

Oni scias, ke al ĉiu Del. & Subdel. de U. E. A. estas malfermita kalkulo, kiu devas esti pagata ĉiutrimonate. Ĉiu Del. aŭ Subdel. kiu do deziros pagi al alia Del. aŭ Subdel. ian monsumon (malpli ol 5 ₷) kaj eviti al si la sendon de poŝmandato bezonos nur informi nin, ĉu per speciala tute preta poŝtkarto, ĉu per formulo enmetota en letero adresata al ni, pri la sumo, kiun ni devas enskribi je la debito de la Del. aŭ Subdel., al kiu li ŝuldas, kaj kiun ni samtempe avizos pri la pago. La monsumoj de tiuj ĝiroj estos enskribataj en la ordinaran krediton kaj debiton de la Del. & Subdel., kies etato kaj fakturo estas trimonate sendata al ĉiu el ili.

Oni facile komprenos la utilecon kaj praktikecon de tiu sistemo, kiu ebligas senkostan pagon de malgrandaj sumoj. *Ekz :* Subdel. de urbo A. deziras pagi 3 ₷ al Del. de urbo B.

Li nur pleniĝu la ĉi-suban kreditilon kaj sendu ĝin al ni, ĉu per poŝtkarto, ĉu en letero, Ni enskribos la cititan sumon en la krediton de la Del. de urbo B (kiun ni avizos pri tio) kaj en la debiton de la Subdel. de urbo A.

En la komenco, la ĝiroj plenumataj tiamaniere *ne povos superi la sumon dá 5 ₷.* Tiu rimedo estas speciale difinita por *Del. & Subdel.;* tamen la Esp.-iaj Entreprenoj & asocioj, konsuloj kaj simplaj membroj povos ĝin utiligi, kondiĉe ke ili nepre uzu la perecon de sia loka Del. & Subdel., sed tiuokaze U. E. A. ne estas respondebla pri la rilatoj inter la membroj kaj la Del.

Oni ĉiam nepre uzu la ĉi-suban formulon, kiun ni *senpage sendos* (po kelkaj ekz) laŭ peto, al ĉiuj Del. & Subdel., kiuj deziros provi tiun novan sistemon. La formulo estas presata sur poŝtkarto kaj sur papero.

> UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
>
> **Financa fako**
>
> *Kreditilo Nº*
>
> Bonvolu enskribi en la krediton de S-ro ..........
> (Sub.) Delegito en ..........
> la sumon da ..........
> kiun vi bonvolu samtempe enskribi en mian debiton.
>
> Subskribo
>
> Nomo kaj regiono ..........
> de la Sub.-Delegito ..........
>
> **Dato** **Por financa fako,**

**Fako IIIª : KONSULOJ**

*Novaj konsuloj.*

I = ĝeneralaj informoj, turismo; k = Komerco; V = virinoj; J = junuloj; M = Maraferoj).

*Braunschweig :* W. Spethmann k; F-ino A. Korner V; K. Kaminsky J. — *Bristol :* R. W. Gilliar k. — *New-York :* J. Morton I; Durbin Van Vleck k; S-ino Marian L. King V. J.; Wolfr. Reich M. — *Stuttgart :* Ferd. Pfeil J.

Ni petas, ke la Del. & Subdel., kiuj ne ankoraŭ konigis al ni la nomojn de la diversfakaj konsuloj, ke ili bonvolu tion fari plej baldaŭ. Ĉiu konsulo devas nun havi sian rajtigan karton subskribitan de la konsulfaka Komitatano kaj de la loka Del. aŭ Subdel.

**Fako Vª : KOMERCO & INDUSTRIO**

*Al la Komercaj Konsuloj.*

Ĉiu Komerca Konsulo nun posedas sian rajtigan karton, kiun li povos uzi por, en la nomo de la Komerca fako de U. E. A., rilati kun la komercaj aŭtoritatoj kaj entreprenoj de sia loko (Komerca ĉambro, gravaj komercejoj kaj fabrikejoj, k. a.) kaj pruvi, ke li estas reprezentanto de nia Asocio en sia loko. Kiam li ricevas ĉu de Esperantianoj, ĉu de Esperantiaj entreprenoj informpetojn. kiujn li mem ne povas liveri, li nepre sin turnu al la Komerca ĉambro de sia loko por ricevi la necesajn informojn; ĉi tion li povos tiom pli facile fari, se li unue sin konigis al ĝi kaj ĝenerale atentigis pri la celo de U. E. A. kaj la konstantaj rilatoj, kiuj devas ekzisti inter la Komerca Konsulo kaj lokaj komercaj rondoj. Internacia agado en tiu rilato estos komencata en aŭtuno.

**Fako VIIª : JUNULOJ**

*Diversaj avizoj.*

Ni atentigas niajn Del. kaj Konsuloj por Junuloj pri la nova rubriko dediĉita al Junaj Esperantianoj, kiun ili bonvolu diskonigi kaj uzigi. Por faciligi nian laboron, ili nepre konformiĝu al la liveritaj instrukcioj pri tiu nova servo de U. E. A.

*Universitataj gvidfolioj.*

Kelkaj grupoj favore respondis pri eldonado de Universitata gvidfolio en ia samaj kondiĉoj kiel la turista gvidfolio, sed petis antaŭe specimenon. Ni informas ilin, ke tiu specimeno estas nun en preparado kaj estos baldaŭ sendata al la Del. & Subdel. de ĉiuj universitataj lokoj

# Esperantiaj Informoj

**Praha** (Bohemujo). — Kun plezuro ni povas sciigi, ke la movado en nia urbo kaj ankaŭ en la tuta landó ĉiutage pli disvastiĝas, kaj tio dank'al la centra asocio de Bohemaj Esperantistoj « Bohema Unio Esperantista », kies komitato senlace laboras en la propagando de nia lingvo. Pli ol 30 kluboj unuigas B. U. E. jam nun, kaj novaj aliĝoj estas anoncataj. Ĉiumonate B. U. E. aranĝas publikajn paroladojn en diversaj urboj de la lando, kaj tiun okazon profitas la delegito de U. E. A. por informi la publikon pri la grava signifo de tiu-ĉi institucio. Dank'al tio novaj membroj aliĝis al U. E. A. Sed la plej grava okazintaĵo de tiu-ĉi jaro estos sendube la *I. Kongreso de bohemaj Esperantistoj*, aranĝata de B. U. E. (vidu anoncon), la 26-28 de septembro, post kies efektiviĝo certe la nombro de bohemaj Esperantistoj duobliĝos. La prepara komitato faras sian devon : tre belaj kongresaj glumarkoj estis ĵus eldonitaj, kongresaj poŝtkartoj kun portreto de nia Majstro (anua serio — aliaj sekvos), elegantaj kongresbiletoj estas en laboro, grandaj originalaj afiŝoj atentigas la publikon pri la kongreso. Tiuj-ĉi afiŝoj estos ankaŭ dissendataj en la plej grandajn urbojn de l'fremdlando, kaj la delegitoj, Subdel. kaj ceteraj Esperantianoj estas jam nun varme petataj lokigi ilin konvene, ĉar B. U. E. anoncis jam sian aliĝon al U. E. A. kiel Esperantia entrepreno.

La komitato firme esperas, ke multaj fremdaj samideanoj vizitos nian kongreson. Ĉiuj estas kore invitataj, kaj ili povas esti certaj, ke ili sentos sin en Praha kiel hejme. Ĉio koncernanta la kongreson estu adresata : Praha, I.-342-Esperanto-Kafejo « Union ».

J. H.

**Stuttgart.** — La ĉitiea grupo estas tre fervora ankaŭ en la bela printempa sezono. Ni havis kunvenon en Plochingen la 25an de aprilo kun la esp.-istoj de Feŭerbach, Esslingen, Fübingen R-c. Sinjoro Dr Schramm el Dresden, kiu hazarde ankaŭ estis en nia Wurtemberga lando, ankaŭ ĉeestis.

La 16an de majo ni faris ekskurson al la Waldburg apud Boblingen kaj la samideanoj de Fuebingen kaj Sindelfingen ankaŭ venis tien; Ambaŭ kunvenis montris la antaŭen movadon de nia afero. Ankaŭ marde la gastotablo en la Kafejo Friedrichsbau estas ĉiam bone okupata per niaj Esperantianoj.

A. H.

**Beaune** (Franc.). — Vinkomercistoj plendas ke la aferoj ne prosperas kaj same la industriistoj. Dum septembro okazos en Beaune « Concours departemental », kie oni kondukos vinberojn, ilojn por kulturi la vinberojn kaj por fabriki la vinoj, ĝardenaĵojn. Je la 15a de nov. estas la vendo de la famaj vinojn de la hospitalo kaj multnombre alvenos la fremduloj por gustumi kaj aĉeti la vinojn. Estos ankaŭ ekspozicio de vinoj.

**Bad-Godesberg** (German.). — Pri la beleco de Bad Godesberg, plene sufiĉas diri, ke ĝi estas ĝardenurbo apud la Rejno kontraŭ la « Sep Montoj ». Jene ni volas doni kelkajn detalaĵojn pri la disvastigeco de Esperanto en Bad Godesberg :

I. — Esp. konsuloj kaj institucioj : La Delegito de U. E. A., diversfakaj konsuloj kaj konsulino, 2 Esperanto-Oficejoj ; la Esp. Grupo (3 kunvenoj ĉiusemajne ; gastoj kore invitataj !)

II. — Publikaj oficistoj-esperantistoj : Policano, gardisto en la kuracparko, kelnero en la kuracparko, la vendistino ĉe la Minerala fonto.

III. — Esp. pensionoj kaj butikoj : 3 pensionhoteloj, vendejoj de cigaroj, floroj, libroj, paperaĵoj kaj ilustraĵoj, feraĵoj, brosaĵoj, tolaĵoj, k.t . p.

Ĉar Bad Godesberg estas ĝardenurbo por rentuloj kaj fremduloj, la komercejoj estas bonaj kaj modernaj, sed la komerca kvartalo estas malgranda. Pro tio en la komercejaj stratoj oni vidas ĉie kaj ĉie la signojn de Esperanto en la elmontrejoj. Ni estas certaj, ke la samideanoj vizitontaj al Rejna Esperanto-Kolonio, per Esperanto tre agrable vivos ĉe ni, kaj ni petas ilin anonci al ni sian intencon kiel eble plej frue. Koran bonvenon de la komitato por Rejna Esperanto-Kolonio.

**Gotha** (German.). — Okaze de la Germana Esperantista Kongreso kunvenis en Gotha la ĉeestantoj germanaj Delegitoj de U. E. A., sub la prezido de S-ro D-ro M. Kandt.

Post priparolado de internaj aferoj D-ro Kandt parolis pri la ĝisnuna agado de U. E. A., kiun multaj gesamideanoj tute malkomprenas. U. E. A. ne estas propaganda asocio, sed peresperanta asocio, t. e. ĝi utiligas Esperanton por diversaj celoj. Tial ĝi nenion malhelpas la naciajn asociojn, kiel kelkaj personoj kredas. Li donis speciale raporton pri la agado de fako : « komerco kaj industrio » kaj la programo por Barcelono. Li petis aĉeti la broŝuron pri U. E. A. kaj disdoni ĝin. Tio estas la plej bona propagandilo inter la komercistaro. Koncerne la rilatojn al naciaj asocioj ne estas eble, ŝanĝi la regularon por apartaj deziroj, nur se tre multaj naciaj asocioj dezirus ŝanĝon, samtempe aliĝante al U. E. A. oni povus fari tion. Sed la plej bona vojo estas sekvi la ekzemplon donitan de kelkaj grupoj, ke ĉiuj anoj fariĝu anoj de U.E.A. Tiam ne estos eble, ke U. E. A. elektu personojn kiel delegitojn, kiuj ne povas plenumi la oficon.

Ankaŭ pri la vojaĝo al kongreso li intencis paroli, sed same kiel dum la Dresdena internacia kongreso, la tempo ne sufiĉis por la laboro de U. E. A. Estas grava afero ne nur por U. E. A., sed por ĉiuj fakaj asocioj ke dum la diversaj kongresoj ili havas sufiĉe da tempo por iliaj kunvenoj, ĉar alie ili estos devigataj forlasi la komunajn kongresojn ; sed tio malhelpos la tutan aferon. Tial le estraroj de la fakaj asocioj devas klopodi ĝustatempe, ke en Barcelono la programo zorgu pri la bona funkciado de la fakaj kunvenoj.

(Komunikita).

**Le Creusot** (France). — La letero de U. E. A. pri la neceseco de kurso de esperanto en la dùagradaj lernejoj elvekis tiel simpatian intereson ĉe la direktoro de la memstara kolegio « Sainte-Barbe » de nia urbo ke nia delegito estis permesita starigi tiun kurson. La unua leciono okazis la 5an de majo. Sep lernantoj tre entuziasmaj sekvas tiun semajnan kaj laŭvolan kurson.

**Unieux** (Franc.). — Nia afero ekdisvastiĝas en tiu regiono. Esp.-Of. estas starigita kaj jam kelkaj membroj aliĝis al U. E. A. La tie Espistaro intencas komenci fortan agadon por antaŭenpuŝi nian aferon en Unieux kaj Firminy.

**Genève** (Svis.). — Okaze de la tiujaraj gravaj festoj en Genève (jubileoj de l'kolegio, de l'universitato kaj de l'reformacio), la tiea Esp-ista grupo, kiu celas ne nur propagandi Esperanton en Genevo, sed ankaŭ konigi la urbon eksterlanden, intencas eldoni broŝuron pri la Intelekta rolo de Ĝenevo kun historio pri la diritaj jubileoj. Tiu broŝuro estos senpage disdonata de la reklama subfako de U. E. A.

**Le HUY** (Belg.). — Niaj legantoj trovos en tiu nº la interesan raporton pri la kunveno de la belgaj oficistoj de U. E. A., kiun kunvokis nia fervora samasociano S-ro A. Richardson, kaj kiu ricevis plej ĝojigan sukceson, Gravaj gazetoj de Bruselo kaj Antverpeno favore raportis pri ĝi. Nova kunveno okazos dum la Belga Esp. Kongreso en Verviers. Imitindaj ekzemploj !

∴

**Ĝenerala Kunveno de la Belgaj Oficistoj de U. E. A.** — La pentekostan Lundon okazis en la pentrinda urbeto Huy, kiu kuŝas sur la bordoj de la Meuse inter Lieĝo kaj Namur, grava kaj interesa kunveno de la regionaj Oficistoj de U. E. A. La Asocianoj kunvenis en la hotelo de la « Nigra Aglo », sub la prezidanteco de S-ro Landenne, tiea Deligito, kaj S-ro Thiery, Prezidanto de la Huya Grupo. Ĉeestis 22 membroj, kaj 13 aliaj sendis raportojn aŭ senkulpiĝajn leterojn. Unue abato Richardson, Vic-Prezidanto de la Belga Esp. Ligo, faris paroladeton pri la intimaj rilatoj inter la U. E. A. kaj la B. L. E. La rektaj celoj de la du societoj estas diversaj. La nacia Ligo kaj ĝiaj grupoj celas la propagandon, illi klopodas varbi Esperantistojn, alligi ilin en grupoj, kaj kunigi la grupojn en unu nacia Ligo, male, la U. E. A. ne rekte celas Esperanton, sed plivole la ĉiaspecajn servojn kiujn ĝi povas prezenti al siaj klientoj per la lingvo internacia Esperanto. Tamen la profito de la du societoj instigas ambaŭ interhelpi unu la alian, kaj la parolanto esprimis la esperon (al kiu la tuta aŭdantaro jesis) ke ĉiu membro de U. E. A. iĝu samtempe ano de la nacia Ligo, kaj reciproke ke ĉiu belga esperantisto iĝu Asociano de U. E. A.

S-ro Landenne faris raporton en kiu li mallonge raportis la historion de U. E. A., kaj ĝiun nunan staton en Belgujo U. E. A. havas pli ol 30 oficistojn en Belgujo kaj li ne dubis ke antaŭ la fino de tiu ĉi jaro ĉiu belga urbo posedos almenaŭ unu delegiton aŭ sub-delegiton. Poste, oni legis la raportojn de la Delegitoj. Pluraj detaloj el tiuj raportoj pruvis la utilecon de tiu mirinda Asocio, kiun ni ŝuldas al la praktita genio de S-ro H. Hodler. Inter aliaj faktoj la raportoj de Bruselo, kaj de Huy enhavis ekzemplojn pri Angloj, Rusoj, Holandoj, k. t. p. kiuj per siaj rilatoj kun niaj belgaj oficistoj, havigis la adresojn de kuracistoj, klinikejoj, lernejo, hoteloj, loĝejoj, komercaj aferoj k. t. p. kiuj tre helpis ilin. kaj pro kiuj informoj ili estis tre dankemaj.

Tiam oni longe pridiskutis rimedojn por tuj daŭrigi tre ageman agadon ĉie en Belgujo Jen kelkaj proponoj kiujn unuanime akceptis la Kunveno :

a) Konstantaj interrilatoj inter la membroj de U. E. A. en Belgujo. Oni decidis pri la proksima kunveno en Verviers la 27an de Junio dum la 1ª Belga Kongreso en tiu urbo.

b) Oni fondis « *Propagandista Societo* » : aro da gesinjoroj kiuj sindoneme prezentis sin por fari paroladojn pri Esperanto tie kie la Prezidanto de la B. L. E estus juĝanta tiajn paroladojn necesajn.

c) Oni pri diskutis rimedojn por faciligi la starigon de novaj grupoj eĉ malgrandaj, kaj doni al ili la rajton elekti Del. en la Komitato de la Belga Ligo.

d) Oni unuanime decidis sendi al la Komitato de U. E. A. peton zorge ekzameni jenan projekton : Pligrandigi la kotizaĵon de la membroj kaj liveri al ili por kotizaĵo da 4 fr. la jurnalon « *Fsperanto* » kaj la jarlibron kun ĝiaj aldonoj. Tio estas de post kelkaj jaroj la agmaniero de la « Touring-Club » de Belgujo. Por 3 fr. jare la membroj ricevas belan bultenon dufoje en ĉiu monato kaj la tre utilan kaj interesan jarlibron.

Tiu grava « Klubo » konstatas ke malgraŭ la pligrandiĝo de ĝiaj elspezoj ĝi fine trovis grandegan profiton per tiu plano, pro la rimarkinda pligrandiĝo de siaj abonantoj. La kunvenantoj tagmanĝis kune, kaj poste faris ekskuson tra la belegaj ĉirkaŭaĵoj de Huy.

Estus tre dezirinde ke en ĉiu regiono oni imitu niajn belgajn Asocianojn. Tiaj naciaj aŭ regionaj kunvenoj certigus pli kaj la sukceson de U. E. A., ĉe kiu la devizo de la Belga nacio estas nepre vero : *Unueco faras fortecon.*

A. Richardson.

# Esperantista Dokumentaro?

*Esperantista Dokumentaro pri la oficialaj, historiaj (?), bibliografiaj kaj statistikaj aferoj (1).* —Sekcio A : Kongresoj. — *Kvara Universala Kongreso de Esperanto.* (eldonis : *Esperantista Centra Oficejo,* 51 rue de Clichy, Paris).

Ni ricevis tiun dikan 195-paĝan volumon, kiu enhavas raporton pri la Kvara Kongreso, en Dresdeno, kaj protokolaron pri ĉiuj ĝeneralaj kaj specialaj kunsidoj, enkalkulante la kunvenon de la kolektistoj, kiun (laŭ la Esperantista Dokumentaro) ĉeestis kvar personoj !

Ni vane serĉis en ĝi ian raporton pri la kunveno j de U. E. A., kiu je tiu epoko kalkulis jam 1300 membrojn kaj delegitojn en 250 lokoj.

Ni vane serĉis en ĝi ian linion pri la malferma kunveno de U. E. A., kiun ĉeestis D-ro Zamenhof (kiu tie akceptis la honoran prezidon), nia eminenta samideano S-ro Generalo Sebert, Alta konsilanto de U. E. A. kaj prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, kaj 250 ĝis 300 personoj.

Ni kun la sama sukceso serĉis vorton pri la postaj kunvenoj de U. E. A., kiujn partoprenis meznombre cento da personoj.

Ekster tio, ĉi tiu Oficiala Dokumentaro estas tute plena...

(1) Aŭ *kiel oni skribas la historion...* (Red.).

# PERESPERANTA VOJAĜO
## DE
## SVEDAJ LERNANTINOJ

Por disvastigi novan ideon, celantan starigi la homaron en pli altan ŝtupon de moraleco aŭ intelekteco, oni ĝenerale sin turnas nur al plenaĝuloj aŭ, por tiel diri maturaj homoj. Ĉi tiuj tamen nur malofte estas konvinkeblaj. Per gravaj bataloj pro la ĉiutaga ekzistado iliaj animoj plejofte nur sin okupas pri materiaj aferoj kaj, trompitaj rilate al siaj junulaj revoj, ili grandaparte fariĝis skeptikuloj pri ĉio kaj ĉiuj. Se oni malgraŭ tio iam sukcesas varbi ilin por ideala afero, ili plej ofte nur restos malvarmaj adeptoj. Tial, se ni volas havigi al nia afero efektivan kaj daŭran prosperon, ni turnu nin al la gejunularo, kiun ankoraŭ ne trafis la maldolĉaj sagoj de l'vivo. Kial ne instrui la malriĉajn infanoj-gelernantojn pri Esperanto kaj komprenigi al ili ke per ĉitiu lingvo la tuta mondo malfermiĝos al ili : ke la esperantistaro, celante firmigi la solidarecon inter ĉiuj homoj, ankaŭ estas la amikoj de l'infanoj ? Per tio ni havigos estontajn varmegajn batalantojn al nia grava afero, ĉar impresoj ricevitaj en la infaneco ofte restos dum la tuta vivo.

Tia estis proksimume mia penso, kiam mi ekprenis sur nun la ne facilan taskon utitigi Esperanton al areto de 12-13 jaraj hometoj. Ĉar ĝenerale sana infano ne memvole oferas sian libertempon al la lernado de io, kies utilon ĝi ne komprenas, estis necese starigi ion allogantan kiel celon de l'Esperanto-studado. Kaj kio povus esti pli alloga ol vojaĝo, vojaĝo eksterlandon, al tute fremda lando kun aliaj kutimoj, aliaj vivmanieroj kaj alia lingvo? En tia vojaĝo sin kaŝas al infano iom da aventuro.

Nun venis la tempo por prepari la projektitan vojaĝon, ĉar la longe deziregita de la infanoj somera libertempo alproksimiĝas.

Jen la projekto sendube realigebla se neveneblaj malhelpoj ne sin levos ! Nombre 10 forveturos la lernantinoj, akompanataj de du instruistinoj krom la kursogvidanto, iam en la daŭro de l'somero — la tago ne ankoraŭ estas decidita — al Kopenhago, Kiel, Hamburg, Berlin kaj Dresden. Krom tiuj urboj oni kredeble vizitos Lübeck, Magdeburg kaj Liepzig. La vojaĝo daŭros proksimume 14 tagojn.

El kie nun preni la necesan monon por la elspezoj ? El propra laboro kaj la helpemeco de l'Esperantistaro kaj U. E. A., de kiu asocio la vojaĝantinoj estas anoj.

En ĉiu vizitota de la infanoj loko oni aranĝu festojn pli malpli publikajn, ĉe kiuj la knabinoj havu okazon amuzigi la ĉeestantojn per kanto, laŭtlegado. gimnastiko, k. t. p. Espere la fervojaj direkcioj laŭkutime donos al ni kompare grandan rabaton de la biletprezo. Per ĉi tio la vojaĝaj elspezoj ne malmulte plimalkariĝos. Plue la delegitoj de U. E. A. certe penos atentigi al la afero la grupanojn de l'diversaj trapasotaj de ni lokoj. Kaj ĉar tiuj ĉi certe komprenas la gravan signifon de nia entrepreno, ĉiuj sendube laŭeble helpos al ĝia sukceso.

Ĉu efektive povas troviĝi pli bona propagandilo por la Esperantismo ol ĉiama interŝanĝado de diverslandaj gelernantoj ? Ĉu ne signifus granda venko por nia afero tio, ke la tuta civilizita mondo senĉese estus vizitata de fremdlingvaj infanoj, ĉie gastame akceptataj de l'Esperantistaro, uzante sole Esperanton kiel interparolan lingvon ? Kio ajn alia povus plie multe konvinki la ĝis nun indiferentan aŭ eĉ malamikan eksteresperanton publikon pri la granda utilo kaj uzebleco de nia lingvo ?

Sed por ke la junaj esperantistinoj havu kiel eble plej grandan utilon de la vojaĝo, nur interparolante en Esperanto, estas dezirinde ke ili maksimume duope enloĝiĝos en esperantistaj familioj. Ĉar, se la infanoj dum la tuta vojaĝo estos lasataj al si mem, ili memkompreneble preferos uzi la nacian lingvon, kaj en tia okazo el esperantista vidpunkto la ekskurso fariĝos tute senvalora.

El ĉiuj vidpunktoj ŝajnas plej bone tiamaniere aranĝi la enloĝigon de la vojaĝantinoj, ĉar nur per reciproko gastamo kaj helpemeco estonte ebliĝos similaj ekskursoj de malriĉaj gelernantoj. Ni pripensu, ke la estonteco apartenas al la gejunularo kaj la nunaj infanoj ian estos la subportantoj de nia afero !

G.-H. Backman,
Delegito de U. E. A.
Helsingborg (Suedujo).

# JUNULA FAKO

Por utiligi U. E. A. al la junaj Esperantianoj kaj plifaciligi internacian komunikiĝon inter ili, ESPERANTO kun la helpo de la fako Junuloj de U. E. A. decidis komenci la jenan novan servon, kiun niaj Konsuloj por Junuloj bonvolu konigi kaj uzigi.

Ni *senpage* enpresos unufoje la nomon kaj adreson de a) la gejunuloj, kiuj deziras korespondi per leteroj aŭ poŝtkartoj kun alidandaj Esperantianoj; b) de la gejunuloj, kiuj deziras vojaĝi eksterlanden dum libertempo; c) de la gejunuloj, kiuj deziras restadi libertempe en eksterlandaj familioj; d) de la gejunuloj, kiuj dezirus trovi oficon; e) de la Esperantistaj familioj, kiuj akceptus fremdan junulon aŭ junulinon dum libertempo por ellernado de la enlanda lingvo, kondiĉe ke:

1°. Tiuj junuloj estu membroj de U. E. A.,

2°. Ili firme promesu respondi, almenaŭ unufoje, ĉiujn korespondaĵojn, kiujn ili ricevos el Esperantianoj;

3° Iliaj nomoj kaj adresoj estu komunikataj al ni per la Konsulo por Junuloj aŭ Konsulino de ilia loko, aŭ, se ne estas, per la Del. aŭ Subdel.

Ĉiuj petoj, kiuj ne konformiĝas al tiuj kondiĉoj, ne estos enpresataj. La Konsulo por Junuloj ricevos tiom da ekzempleroj kiom estas da petintoj en lia loko. Li estas petata ĉiufoje afiŝi tiun rubrikon ĉe la Esp-Oficejo de sia loko kaj traduki nacilingven la petojn, kiuj povas interesi la neesp. publikon.

# AL NIAJ LEGANTOJ

**Ni avizas la abonantojn, kies abono finiĝas en monato junio, kiuj ne ankoraŭ repagis aŭ ne informis nin pri sia intenco ne reaboni, ke, ni enkasigos ilian abonon per la poŝto, en la landoj, kie tio estas ebla. Por la aliaj landoj, kiuj ne akceptas poŝtrepagon, ni insiste petas la abonantojn, ke ili bonvolu plej baldaŭ pagi sian reabonon. Oni povas reaboni, ĉu per la delegitoj de U. E. A., ĉu per la jenaj adresoj.**

**ĈEKBANKO ESPERANTISTA, Merton Abbey, London S. W. (por Britujo).**

**S-ro P. LINARES, H-to S. Basilio, Cordoba (por Hispanujo).**

**S-ro C.-H. FESSENDEN, 34, Pelham St., NEWTON - CENTRE, Mass. (Por Usono).**

**ESPERANTO, 8, rue Bovy-Lysberg, GENÈNE (por aliaj Landoj).**

Por *Hispanujo* oni laŭeble pagu al S-ro Linares. Estas rekomendite, sendi la monon tiamaniere: 4 pesetoj per ĉeko de « Giro mutuo » kaj 50 centimoj per poŝtmarkoj, ĉiam *rekomendite*. En la lokoj, kie ne estas « giro mutuo », oni povas uzi ankaŭ « Sobras monederos ».

* *

**Ni insiste petas ĉiujn Del. & Subdel. de U. E. A., ke ili bonvolu organizi la vendadon de nia gazeto en sia loko, ĉar ĝia legado estas necesega al ĉiuj, kiuj deziras esti konstante informataj pri U. E. A. kaj ĝiaj progresoj. Ni rememorigas, ke ni fordonas al ĉiuj Del., Subdel. aŭ vendantoj rabaton da 25 o/o por ĉiu mendo firma de minimume 5 ekz. de ESPERANTO.**

Pagado trimonata laŭ nia fakturo.

# ESPERANTIA PAROLEJO

## Pri monsendado

Legante parolejon en lastaj Nroj. de « Esperanto » mi konvikiĝis, ke la plifaciligo de monsendado estas ja facile realigebla; nur oni devas ĝin oficiale enkonduki.

Ĉiu delegito havas malfermitan konton. Do, se iu esperantiano volas sendi ien iau monsumon, pagos ĝin al loka delegito, tiu ĉi skribas al respektiva delegito postulante de li plenumi la deziron de sia esperantiano kaj sciigante lin, ke la elspezito de li monsumo estas samtempe enskribita en lian kredithavon en Esperantio. Samtempe li skribas al Esperantio en Ĝenevo petante ŝuldigi lian, kaj kreditigi la konton de l'delegito en kies loko la sumo devas esti pagita. Post tio Esperantio sciigus ambaŭ delegitojn pri ĝuste efektivigita kontado.

Por povi disponi, ĉiu delegito devus havi kompreneble ian kredithavon en Esperantio. Tiamaniere oni povus pagi ankaŭ ĉiujn eksterlandajn kalkulojn de l'esperantiaj entreprenoj.

Ĉar tio postulus ian specialan fiksan kunlaboranton en centra oficejo, se necese eĉ salajritan, tiu ĉi aranĝo ne povus esti tute senpaga sed je alpago de l'ia malgranda provizo, precipe el pli grandaj sumoj; malgrandaj, ekzemple 5-10 Sm. povus esti tute senpage plenumitaj.

Kompreneble tia agado postulus ankaŭ de ĉiuj delegitoj precizan librotenadon.

Ĉar ne ĉiuj scipovas tiun ĉi librotenadon, Esperantio post interkonsento eldonus komunajn librojn, kiujn ĉiu delegito ricevus tuj en la komenco de sia agado kun detala klarigo de l'ĝia uzado.

La efektivigo de tia propono, *cetere ankoraŭ multe priparolebla*, estus bonega rimedo por akiri esperantianojn kaj esperantistojn.

Delegito en Krakovo, 43-8.

Oni vidos, en Oficiala Informilo, ke U. E. A. jam nun komencas la eksperimentadon de tiu propono por faciligi la monsendojn inter niaj delegitoj kaj eventuale inter niaj membroj.

## Pri internaciaj enketoj kiel propagandiloj

Por ekkoni unuflanke la ĝisnunan sintenadon al Esperanto de la komercaj ĉambroj, por direkti aliflanke la atenton de tiuj korporacioj al Esperanto, mi komencis enketon. Mi skribis jenan cirkuleron esperante:

Tre estimataj sinjoroj!

« Kiel komitatano de la fako « komerco kaj industrio » de la Internacia Universala Esperanto-Asocio mi dezirus sciiĝi, kiamaniere la afero, kiu estas de pli alta graveco por la tutmonda komercistaro, estas helpata en la diversaj landoj per la komercistoj, speciale per la oficialaj reprezentantaj organoj, kiel komercaj ĉambroj k. t. p. Tial mi petas vin, sciigi min, ĉu en via urbo ekzistas grupo Esperantista, aŭ ĉu kursoj Esperantistaj estas aranĝitaj kaj kian helpon vi donis al tiu afero? Mi estus treege dankema por via respondo.

Altestime la via (nomo)
Sindiko de la komerca ĉambro de Brombergo. »

Mi sendis la tekston al samideano en Hispanujo petante lin, ke li resendu ĝin tradukitan en nacian lingvon. Tiamaniere mi estis ebligita dissendi, kvankam mi ne scipovas Hispanan Lingvon, *hispane redaktitan* cirkuleron. Mi jam ricevis multajn respondojn, el kiuj mi publikas jenan de la komerca ĉambro de Sabadell:

Al Dr. M. Kandt, Bromberg!

« Altestimata Sinjoro: Ni ricevis vian leteron kiun ni al vi dankas.

« Pri la de vi petitaj sciigoj ni detale ne respondas al vi, tial ke ĉi tiun ĝentile faros la ĉi tieaj grupoj « Esperanta Semo » kaj « Aplech Esperanta grup », precipe la unua, kun kiu ni estas en konstantaj interrilatoj pri Esperanto, kaj ĉefe kun la ĉi tiea konsulo/ S-ro Dominiko Serda.

« La sama sinjoro anoncis al ni ke li tuj vin respondos.

« Rilate al la kunhelpo kiun ni al Esperanto donos ni danke sciigas al vi ke, ni de antaŭ nelonge ĝin akceptis kaj uzas — kiel vi vidas — por niaj interrilatoj kun alilandanoj plie ni kunhelpas la lokan propagandon.

## Internaciaj Respondkuponoj

Kelkaj samideanoj sendube jam scias, ke la Internacia Oficejo de la Universala Poŝta Unuiĝo en Bern eldonis 30-centimajn internaciajn respondkuponojn, kiuj estas, en la landoj interkonsentintaj pri tio, ŝanĝeblaj en poŝtmarkojn 25-centimajn aŭ samvalorajn. La plejmultaj landoj en la mondo aliĝis.

El tiuj interkonsentintaj landoj oni do nun povas facile antaŭpagi al respondanta alilanda korespondanto la koston de lia respondo.

Unu nia samideano, S-ro H. T. Bailey (London), rimarkinte, ke sur tiuj kuponoj pri la uzmaniero estas klarigo kvinlingva sed sen Esperanta, skribis al la Bern'a Oficejestro, montrante al li, ke utile estus, presigi ankaŭ Esperantan klarigon. La estro respondis, ke la Poŝta Kongreso en Romo decidis, ke la klarigoj sur la respondkuponoj estu presataj en la lingvoj de la landoj ilin uzantaj, kaj tial Esperanto, estante lingvo *ne nacia*, ne estas por la kuponoj uzebla.

La ĉefaj landoj aliĝintaj estas: — Aŭstrio, Brazilujo, Bulgarujo, Ĉilio, Danujo, Egiptujo, Filipina Insularo, Francujo, Germanujo, Grekujo, Hispanujo, Holando, Hungarujo Indio Brita, Italujo, Japanujo, Kanado, Kapkolonio, Koreo, Meksikujo, Norvegujo, Novzelando, Rumanujo, Svedujo, Svisujo, Transvaalo, Tunisio, U. S. A.

W. Mann.

La plej bona maniero por instigi la Int. Oficejon de la Univ. Poŝta Unio presigi Esperantan tekston sur la Int. Respondkuponoj estas superŝuti tiun Oficejon per petoj similaj al tiu de S-ro Bailey. Ĉiuj Esperantistoj el ĉiuj landoj, U. E. A.-Delegitoj, &c. skribu tuj al la Berna Oficejo petante ke la Universala Poŝta Unio aldonu sur la Int. Respondkuponoj la jenan tekston en Esperanto:

*Tiu ĉi kupono estas interŝanĝebla kontraŭ poŝtmarko de la valoro de 10 spesdekoj aŭ la samvaloraĵo de tiu sumo, de la landoj kiuj konsentas la aranĝon.*

Oni povas insisti pri la duobla profito ricevita per la uzo de internacia lingvo & de internacia mono, kaj se la Berna Oficejo ricevos kelkajn milojn da similaj petoj pri tiu ĉi temo, verŝajne ĝi donos atenton al la afero.

Ĉiujn petleterojn oni adresu al la Direktoro de la: *Bureau international de l'Union postale universelle, Berne, Suisse.*

R. de S.

## La alkongresaj vojaĝoj

De tri monatoj la fako Turismo klopodas plifaciligon de la alkongresaj vojaĝoj. Kaj jam hodiaŭ ni povas diri, ke la vojaĝoj estos pli malkaraj ol la pasintan jaron, ĉar la francaj fervojoj donas grandan rabaton kaj ni havos specialan vaporŝipon je tre malalta prezo de Marseille al Barcelono.

Estas intencitaj tri araj vojaĝoj por la kongresontoj loĝantaj sur la kontinento:

1. Varsovio-Berlinio-Strassburg-Lyon-Marseille-Barcelono. Haltoj nur en Berlino, Frankfurt, Lyon kaj Marseille. Ĉar oni intencas kiel eble plej rapidigi la alkongresan vojaĝon; festoj povos esti organizataj dum la reveno.

2. Calais kaj Buxelles-Paris-Barcelono.

3. Vieno kaj Praha-Buchs-Zürich-Bern-Genève-Lyon k. t. p. Haltoj en la svisa urbo, en Lyon kaj Marseille.

Pri la biletoj ni rekomendas aĉeti internaciajn rondbiletojn de la elirurbo ĝis Genève. En Genève oni estas devigata akiri specialan bileton tra Francujo kaj en Marseille ree specialan por la vaporŝipo.

La partoprenantoj de la unua vojaĝo aĉetu rondbileton ĝis la franca landlimo. Kaj poste agu same kiel tiuj trapasontaj Genève.

Por akiro de rabatbiletoj en Francujo kaj por la vaporŝipo estas necese havi specialan rajtigilon, kiun pli malfrue disdonos, Verŝajne, la Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris.

Pri Prezoj kaj pluoj detaloj ni sciigos niajn legantojn en la proksima numero de « Esperanto ».

Verŝajne ankaŭ okazos aparta vojaĝo el Hamburg per ŝipo de la Norddeutscher Lloyd aŭ alia germana ŝip-kompanio. Detaloj ankaŭ aperos en venonta numero.

Partoprenantoj de vojaĝo 1ª sin direktu al sinjoro Dr W. Kandt, Komitatano U. E. A. en Bromberg, kiu bonvole akceptis la kondukadon de tiu karavano.

Por la tria vojaĝo oni interrilatu kun la subskribinto.

La organizantoj de la diversaj vojaĝoj klopodos aranĝi la aferon laŭ du diversaj manieroj:

Unue okazos araj vajaĝoj por tiuj, kiuj deziras ke U. E. A. prizorgu ĉion: hotelojn, manĝoj, festoj k. t. p.

Duo povos partopreni tiujn vojaĝojn ĉiuj personoj dezirantaj zorgi mem pri siaj personaj bezonoj kaj nur ĝui la kunan veturadon.

La partoprenantoj de la unua kategorio estas petataj sciigi sian ĉeeston kiel eble tre baldaŭ, por ke ni sufiĉe frutempe povu averti la Delegitojn de la trapasotaj urboj kaj instigi ilin prizorgi la necesajn aranĝojn.

Berno, 20 Junio 1909. U. E. A. Fako Turismo:
J. Schmid.

## Komerco kaj Esperanto

Pli kaj pli ni vidas en niaj esperantaj jurnaloj reklamojn de progresemaj komercistoj kiuj uzas niajn gazetaron kaj lingvon por diskonigi iliajn artikolojn.

Sed se ni komparon la progresadon de nia lingvo kun la tiel varbitaj komercistoj, ni rimarkas ke tiuj ĉi estas ankoraŭ tro maloftaj rilate al la ĉiam kreskanta samideanaro.

Tamen, ekzemploj ne mankas al la komercisto por konvinkiĝi pri la taŭgeco kaj oportuneco de nia lingvo kaj esperantaj organizoj. La granda amaso de la negocistoj ankoraŭ tro ignoras aŭ ŝajnas ignori tiujn ecojn, ĝis kiam ili ricevas, iun tagon, mendon aŭ leteron en esperanto. Sed tiuj okazoj, bedaŭrinde estas tro maloftaj.

Ĉu ne estas bona rimedo por altiri al nia afero la komercon de ĉiu iom grava urbo aŭ regiono? Kredeble, jes!

Certe la eldono de komerca jarlibro esperantista estu bona afero, ĉar ĝi kunigus ĉiujn nomojn de esperantaj aŭ esperantemaj firmoj Sed tio ne sufiĉas.

Ni bezonas varbi multajn, multegajn ne esperantistajn firmojn, bonvole aŭ ne. Se la komerco, nescie, ne venas al esperanto, la esperantistoj devas iri al ĝi kaj devige montri ke nia afero estas praktika kaj praktika, ĉe por tiuj kiuj ne volas iom peni por ĝin koni kaj uzi.

# La Kvina Kongreso

S-roj Bourlet kaj de Ménil vizitis antaŭnelonge la kongresurbon, el kiu ili revenis entuziasmigitaj kaj mirigitaj. Ili komunikas al ni la jenajn informojn, prie kies allogeco ni ne bezonas insisti:

1° La Reĝo de Hispanujo akceptis esti *honora Prezidanto de la Kongreso*; tri Ministroj kaj membroj de la Reĝa familio akceptis esti protektantoj.

2° La Urbestraro voĉdonis 1.000 ₷ por helpi al la reklamo de la Kongreso sed tio estas nur malgranda parto de tio, kion faros la urbo; ĉar ĝi intencas organizi grandan luksan feston por oficiale akcepti kaj gastigi la Kongresanojn.

3° La alveno de Zamenhof en Barcelono estos io ĝis nun ne vidita. Ĉiuj urbaj gvardianoj kaj municipalaj rajdistoj en festaj uniformoj estos ĉe la stacidomo kun muzikistaro, akompananta la urban konsilantaron, la Deputitaron, k. t. p...

Plie, la urbo metos je la dispono de la Kongreso la tutan palacon de la Belartoj por solena malferma kunsido kaj por la balo.

4° La Rektoro de la Universitato liveros al ni la tutan Palacon de Universitato, kie okazos ĉiuj laboraj kaj fakaj kunsidoj de la Kongreso.

5° La grava literatura Societo « Ateneo » akceptos dum la Kongreso, ĉiujn Kongresanojn kiel membrojn.

6° La Societo « Orfeo » organizos por ni specialan koncerton en sia luksa Palaco.

7° La Komerca Cambro pruntedonos al ni tre antikvan Halon en la Borso kaj la belegan salonon por la festo de l'Floraj Ludoj, tiel ke tiuj festoj okazos en la sama loko kun la sama soleneco kaj dekoracio, kiel la enlandaj Floraj Ludoj, k. t. p.

8° Sinjoro Adria-Gval organizas mem teatran prezentadon de sia verko « Mistero de Doloro », kiu estos ludita per profesiaj aktoroj.

En Barcelono ekzistas 12 Societoj Esperantaj, kiuj enkalkulas almenaŭ 2.000 membrojn kies lertecon en Esperanto kaj fervorecon por nia afero oni nenian tro povas laŭdi.

Neniu Esperantisto do hezitu veturi Barcelonon tiam por ke la prezoj estas taŭgaj por ĉiu monujo. Oni ne prokrastu sian aliĝon, oni sin pretigu.

# TRA LA GAZETARO

El *Pola Esperantisto*: La Profitoj de Esperanto, de Margaret L. Jones (Liverpool).

... Tiel kaj alie, kaj eĉ pli alloge, Esperanto alparolas la homojn, kiuj deziras labori por homaro, aŭ kiuj deziras trovi la plej altajn plezurojn. Sed se mi ne haltigos mian plumon, vi ĉiuj baldaŭ ekscedos, kaj kredeble mi jam skribis sufiĉe por instigi vin akcepti la montritajn aŭ serĉi pluajn profitojn, sed, lastvorte, mi volus mallonge atentigi vin pri la granda morala influo de Esperanto. Longe, eĉ antaŭ ol oni komencis la ekzenton de l'Esperantismo, oni sentas tiun profiton, per la lecionoj de logiko kaj la lingvo instruas. Por la junuloj en la nejoj tio ne povas esti tro alte taksata; ĉar ĉiam lernas la antaŭajn lecionojn, ĉar *en nia lingvo ekzistas devo konsideri la najbaron*. Ekzemple, antaŭ ol serĉi un vortaro la bezonatan vorton, oni devas paciencе peni konstrui taŭgan ilon por, transporti sian penson; oni lernas ami lingvon pro la lingvo mem kaj plu volas malbeligi ĝin sone aŭ konstrue; kaj ankaŭ ol uzi frazon, oni devas jugi, ĉu fremdulo povos kompreni ĝin, k. t. p. Sed multe pli grandaj ol tiuj eĉ la rezultato de la lernoloĝo, estas la rezultatoj kiujn la lingvo alportas per la posta korespondado de homoj mem. Tiu komprenado malfermas la koron, kaj tiam la fine scias, ke fremduloj absolute ne ekzistas, ĉar la kompreno kunportas la simpation kaj la amon. Ni scias tiam la grandan planon de la universo. Ni scias, ke ni ĉiuj estas nur eroj de unu granda aro, kaj tial, mondfratoj. Estas kredeble, ke nenie aliloke en la mondo, nenie en la daŭro de la tempo, sed nur en niaj grandaj kongresoj, oni vidis aŭ vidos tian fratamon kiu vere ekzistas ĉe ni. Tie, estas nek diversaj grandoj, nek diversaj gentoj, nek diversaj aĝoj, nek riĉuloj, nek malriĉuloj, nek profesiaj, nek seksaj distingiĝoj. Tie oni vere forgesas la ĉion kaj unu artefaritajn barojn de la mondregulo kaj tie oni tute facile interparolas kun ĉiuj; tie oni sentas plezurege la *egaligan* influon de la interna ideo; tie oni bone *scias*, ke ni ĉiuj estas fratoj kaj anoj de unu sama familio. Efektive la kantoj de ĉiuj veraj poetoj, la pensoj de ĉiuj grandaj filozofoj, la esperoj de ĉiuj grandaj profetoj, la dogmoj de ĉiuj religioj estas malfacile kaj efektivigitaj en Esperanto kaj Esperantismo. Do, karaj fratoj! alprenu nian lingvon; amu ĝin, kaj fervore kaj rapide disvastigu en la mondo ĉiujn profitojn de kara Esperanto.

Laŭ mia opinio, jen kiamaniere oni atingu tiun celon:

Ĉiu iom grava grupo povus starigi regionan liston de komercistoj se eble simpatiaj al Esperanto, fabrikantoj aŭ vendantoj de tutmondaj specialaĵoj.

En ĉiu regiono estas certe famaj industrioj kaj jam disvendas siajn produktaĵojn en sia propra lando kaj eĉ en 1 aŭ 2 fremdaj landoj.

# Esperanto-Movado

## La Dua Brita Kongreso

La Brita Esperanta Asocio fondiĝis en 1904ª, sed nur en la lasta jaro ĝi riskis aldoni al sia ĉiujara ĝenerala kunveno (kiu okazis en Edinburgo) la titolon de Nacia Kongreso. Ĝi tion faris, ne kun la ideo depreni la gravecon de la Internacia Kongreso, en kiu Esperantistoj el ĉiuj partoj de la terglobo partoprenas jaron post jaro, sed por doni al tiuj, kiuj ne povas ŝpari aŭ tempon aŭ monon por la plimultekosta plezuro, la okazon fari ion por la publika propagando propralande.

Post invito de la Leeds'a Esperanta Societo lastan jaron en Edinburgo, la B. E. A. konsentis viziti Leeds'on tiun ĉi jaron je Pentekosto. Tuj la 22 Esperantistaj Societoj kiuj troviĝas en la yorkgraflando, starigis la yorkgraflandan Federacion por ke ili povu fari la necesajn aranĝojn. Kompreneble la plej peza parto de la ŝarĝo falis sur la ŝultrojn de la Leeds Societanoj, sed ĉiu Federaciano faris sian eblon.

Esperantistoj el ĉiuj partoj de Granda Britujo alvenis vendredon vespere kaj sabaton frumatene, kaj ili amase kolektiĝis ĉe la akceptejo sabaton matene je la naŭa por enskribi siajn nomojn kaj partopreni en la vizitoj al la Artgalerio, muzeo kaj la urbdomo. En la lastenomita konstruaĵo troviĝas la ĉambroj de la urbestro, kie la urbestro bonvenis la gereĝojn de Granda Britujo lastan jaron. Tiuj ĉambroj estas tre vizitindaj, kaj bonŝance la Esperantistoj havis la plezuron ilin vidi kaj enporti en ilin la verdan standardon.

La Leeds'aj urbanoj estis tre scivolaj, kaj tre miris kial pli ol kvar cent personoj, portantaj verdajn, standardojn ĉirkaŭmarŝas kaj ŝajnas posedi sian urbon. Eble ili pensis, ke estas Germana invado, sed ĉe la fino de la Kongreso ili ne plu miras, sed plene konscias la celojn de la Esperantistoj.

Je la unua, festeno okazis, en kiu pli ol 200 partoprenis. Kolonelo Pollen, prezidanto de la B. E. A., legis telegramon el Varsovio: « La Duan Britan Kongreson kore salutas Zamenhof ». S-roj Rhodes, Blaise, Cox, Malloch ankaŭ parolis. Je la 2-30, post la fotografado de la delegitoj, kune kun taĉmento de la « Junaj Skoltoj » S-roj Mudie, Warden, Page kaj box faris eksterdoman paroladojn. S-ro Mudie parolante pri la U. E. A. sciigis la ĉeestantojn ke la plimulto el la 1,400 Esperantistaj Societoj jam aliĝis al la U. E. A. S-ro Page faris alvokon al la komercisto ke li vekiĝu por vidi kion li povas fari per Esperanto. La kunveno finiĝis per la kantado de « La Espero ».

La vesperan propagandan koncerton en la « Albert Hall », belege ornamita per esperantaj standardoj la 1,200 ĉeestantoj tre ĝuis. La kvindekvoĉa Esperanta Ĥoro, kondukata de tre lerta muzikisto, S-ro Claskson, el Huddersfield, kantis kelkajn popularajn ariojn; sed la « sukcesego » de la koncerto estis la komedio, « Elpelu Lin », tradukita de J. Hedley Ince, vic-prezidanto de la Leeds Esperanto Societo kaj Leeds'a U. E. A. Delegito. Kolonelo Pollen kaj S-ro P. Blaise parolis pri Esperanto kiel interkomprenigilo.

La Esperantisto ĉiam leviĝas frue, kaj pli ol 200 ĉeestis la Diservon dimanĉon matene je la 9ª. La predikinto, Pastro J. Cyprian Rust parolis pri « Amo, Ĝojo, paco kaj universala frateco ». Vespere pli ol mil aŭskultis atente la Esperantan predikon de Pastro F. Wrigley ĉe Salem Preĝejon pri « Espero nenian bontesojn », kaj kolonelo Pollen parolis pri la « Unuaj laboroj de Zamenhof.

Lundon matene, je la naŭa okazis la Kvina Ĉiujara Ĝenerala Kunveno de la B. E. A. La raporto montris progreson ĉiuflanke. Oni instruas la lingvon en multaj lernejoj; 135 societoj aliĝis al la B. E. A.; kaj la financa stato estas kontentiga. Oni multe diskutadis pri la rilatojn de la Federacioj al la B. E. A. sed fine prokrastis la aferon ĝis decembro, lasante al la Federacioj la rajton en la intertempo agi laŭvole. Oni elektis Kolonelon Pollen kiel prezidanton, kaj S-roj Mudie, Cox, Bicknell, Stead, Hoveler, Mayor, Warden kaj Rust kiel vicprezidantojn.

Post ekskursoj, k. t. p., la Esperantistoj denove kunvenis ĉe « Albert Hall » por vidi mallongigitan prezentadon de « La Skolo de Skandala », tradukita de J.-F. Holmes, Bradfort; kaj « Edziĝo kontraŭvola » de Molière. Post oni dancis ĝis la unua matene. Sed neniu pensis pri la lito. Tute ne! Tiu ĉiuj kunvenis ĉe la stacidomo por bonvojaĝi la Skotojn kiuj estis devigataj foriri tuj post la dua, kaj la Esperantistoj plenigis la tutan stacidomon per sia kantado. La fervojistoj certe devos lerni Esperanton.

Marde, pli ol cent faris ekskurson al Harrogate kaj Kradesborough, la plej bela kaj historiplena distrikto en la Yorkgraflando. Ili bone propagandis la lingvon ĉiel kaj ĉie kaj ŝur preskaŭ ĉiu boato sur la rivero flirtis la verda standardo. Vespere, lacaj sed tre kontentigitaj je la okazintaĵoj de la pasintaj tagoj, la Esperantistoj premis al si reciproke la manojn kaj senteme diris « Ĝis la Revido », « Ĝis Barcelona ».

Unu rimarkinda fakto pri la « Dua Brita » estis la nombro da U. E. A. steloj. Ili troviĝis en la butontruo de ĉiu dua persono.

Tian grandan sukceson ni neniam atendis, kaj la Dua Brita Kongreso ĉe egalis se ne superis la Trian Kembriĝan Kongreson.

J. H. I.

En la Konstata Komitato de la Kongresoj okazis kelkaj ŝanĝoj: la Ĝenerala sekretario, S-ro Gaston Moch estis devigata, pro profesiaj okupoj, peti akcepti lian eksiĝon de la Konstanta Komitato kaj laŭ la propono de la Prezidanto estis anstataŭita de S-ro Gabriel Chavet, ĝisnuna Sekretario de la Esp. Centra Oficejo. Plie, laŭ la permeso konsentita de la Dresdena Kongreso, la Prezidanto de la Konstanta Komitato por la Kongresoj G-lo H. Sebert petis elekti vicprezidanton por helpi lin en lia grava tasko kaj proponis por tiu posteno Sro Carlo Bourlet, kiu kun varma aprobo estis elektita.

Kiel membroj de Konst. Kom. de la Kongresoj por la Sesa (Usono) Kongreso estas elektitaj: Kolonelo George Harvey (North American Review, New-York kaj Benedict Papot (1,038, Jackson boulevard, Chicago (III).

* *

Laŭ la lasta No de « Ofic. Gazeto Esp. » ekzistas nun 1,498 Esp. Societoj, kaj 89 Esp. jurnaloj.

* *

## Bibliografio

**La reĝo de la montoj** de Edmond About, trad. (el la 153ª milo de la franca eldono) *Gaston Moch*. 138 ilustrajoj de *Gustave Doré*. Esp. Kolekto de la Revuo, Libr. Hachette et Cie. Prezo 3.50 fr.

**Brazilio.** Parolado de *S-ro Everardo Backheuser* (prezidanto de la Brazila Ligo Esperantista) farita ĉe la « *Societo de Geografio* » en Parizo. Kol. de la Revuo. Libr. Hachette et Cie.

**Literatura Almanako.** Aldono al « *Lingvo Internacia* » por la jaro 1909.

**En Malliberejo** de E. Ĉirikov, trad. (El Rusa lingvo) de *D-ro Kabe*. Librejo « Esperanto » Rusujo, Moskvo. Tverskaja 28. Prezo 10 kop. (= 10 Sd aŭ 0.25 fr.).

**Lego libreto.** Tradukoj de *J. Borel*. « Esperanta Biblioteko Internacia » Berlin. Esp. Verlag, Moller & Borel 1. Prezo 0.10 ₷.

**Fabeloj de Andersen.** Trad. (el Dana lingvo) F. Skeel-Giorling. « Esp. Bibl. Int. » 2. Pr. 0.10 ₷. Berlin. Esp. Verlag, Moller & Borel.

**Elpelu lin.** Unuakta Esp. Komedio de Thomas J. Williams, trad. (el Angla Lingvo) de Heydley Ince (Ludita dum la Dua Brita Kongreso en Leeds).

**Unu fojon**, Anekdotaro, kolektita kaj eldonita de Hispano Mikaelo Cases. Aĉetebla ĉe: Esp. Presejo. Str. Asalto 43. Barcelono.

**Garcia Moreno**, de Pastro H. M. Barton, trad. Jolo 1 de « Unio Katolika Esp. Bibl. » Administrado Joh. Luneman. v. d. Neerstraat 40, Hag (Holando). Pr. 63 sp-dekoj (= 0.15 fr.).

**Vortaro-Esperanto-Rusa** de *D-ro L. L. Zamenhof*. Eld. de « *Librejo Esperanto* » Moksvo, 28. Tverskaja Prezo 2 fr.

**Plenega** (?!) *vortaro Rusa-Esperanta* de E. V. Radvan-Ripinski. Eld. de Libreldonejo « Mir » V. L. Boguŝevski. Peterburgo, Zagovskaja, 47. Pr. 1 rublo (= 1.06 ₷).

**Mejdunarodnij jazik.** *N. Kabanov*. Plena gramatiko kun ekzempleoj kaj ekzercoj, vortaroj, rusa-esp. Esprimaro. Tria eldono de « *Posrednik* » Moskvo. Pr. 40 kop.

**Picture Lessons in Esperanto** by S. Marshall and W. W. Mann. Eld. de « British Esperanto Association London W. C. Museum Station Buildings 133-136 High Holborn.

**Karlo.** Facila Legolibro por la lernado de Esperanto de *Edmond Privat*. Paris, libraro de Esperanto. Pr. 0.50.

**T. E. K. A. Jarlibro 1909** de « Tutmonda Esp. kuracista Asocio » H. F. Ad. Thalwitzer, Kotzschenbroda-Dresden 1909. Pr. 0.4 Sm. Bind. dita 0.6 Sm.

*Administranto*: L. Rov...
*Presejo* X. Devichi.

## La Universala Ŝlosilo
DE ĈEFEĈ



Ŝlosiloj. 10 ekz. Fr. 0,50 — 100 ekz. Fr. 3,50.
Tutoj. 10 ekz. Fr. 1,00 — 100 ekz. Fr. 7,00.
Anekdotaroj. 1 ekz. Fr. 0,25 — 10 ekz. Fr. 2.00.
Ŝlosilaro (ĉiuj aperintaj ŝlosiloj en elegante bindita volumo) 1 ekz. Fr. 1,50.

Granda elekto de insignoj
Petu plenan prezaron ĉe
INTERNACIA PROPAGANDEJO ESPERANTISTA
Merton Abbey, London, S. W.

Ĉio estas ankaŭ havebla ĉe Esperanto-Oficejoj kaj Librejo G. Warnier & Ko, 15, rue Montmartre, Paris.

## ĈIUSPECAJ
**Italaj Produktajoj**

precipe por donacoj okaze de Kristnaskaj kaj Novjaraj festoj. Petu nian katalogon per duobla poŝta karto.

Firmo A. Tellini, Mura d'Azeglio, 600, Bologna (Ital.).

## Lingvo Internacia
Organe Central des Espérantistes
*Fondé en 1895*
Administration : Presa Esperantista Societo
*33, rue Lacépède, PARIS*

Abonnement annuel ; Fr. 7.50

Un numéro spécimen est envoyé franco sur demande.

## MONDINKO
NIGRA POR KOPIO

NIGRA dum la skribo * * * *
Liveras NIGRAJN kopiojn * * *
Restas NIGRA post la kopio * * *

**Jules MIETTE**, PARIS (Francujo)

## TOBLER'A
Bonega Svisa Lakta Ĉokolado

## Espero

kun Esperanto-Ĵurnalo ilustrita
**ĉie aĉetebla**

## GALLIOT & DELPIERRE
Marŝissendistoj
**Boulogne-sur-Mer**

Oni korespondas Esperante

| Neta enhavo | Delikata kvalito | SPECOJ |
|---|---|---|
| 1 kg. | 1 fr. 75 | Rouget-Dorade grise. |
| 2 kg. | 2 fr. 80 | Vive-Carrelet-Merlu- |
| 3 kg. 500 | 4 fr. 50 | che-Cabillaud-Anguil- |
| 4 kg. 500 | 5 fr. 30 | le-Maquereau-Colin etc. |

Afrankite kaj enpakite, en stacidomo

MEDIZINISCH, LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **HEILANSTALT-KURACEJO** por lumkuracado, por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.
vormals : ROTES KREUZ — antaŭ : RUĜA KRUCO

51 Luisenstrasse **BERLIN NW. 6** Telefono III, 3185

**Sekcio por lumkuracado**
Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin. Kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.**
Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstato de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj vibromasaĝo k. t. p.

La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim

Prospekto laŭ deziro. — *KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.* — Du kuracistoj — Direkt : Dr. BREIGER.

## ESPERANTO-LIBREJO
G. WARNIER ET Cie
PARIS — *15, Rue Montmartre, 15* — PARIS

VENDAS ĉiujn Esperantistajn Librojn, Muzikaĵojn, Broŝurojn, Insignojn, novajn aŭ malnovajn ;
ABONIGAS al ĉiuj Esperantistojn aŭ ne esperantistoj gazetoj ;
HAVIGAS al siaj klientoj ĉiujn librojn eldonitajn en ĉiuj landoj
***Oficiala tenejo de la Esperanto-Oficejoj de U. E. A.***

PRESEJAJ LITEROJ
MAYEUR



PARIS

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie
GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ
21, RUE DU MONTPARNASSE

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de ESPERANTO kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

ROMANA — TIPOJ DIDOT — ITALIKA
ĉĝĥĵŝŭ Korpo 7 — Bas de casse *ĉĝĥĵŝŭ*
ĈĜĤĴŜŬ Ĉefliteroj *ĈĜĤĴŜŬ*
ĉĝĥĵŝŭ Korpo 8 — Bas de casse *ĉĝĥĵŝŭ*
ĈĜĤĴŜŬ Ĉefliteroj *ĈĜĤĴŜŬ*
ĉĝĥĵŝŭ Korpo 9 — Bas de casse *ĉĝĥĵŝŭ*
ĈĜĤĴŜŬ Ĉefliteroj *ĈĜĤĴŜŬ*
ĉĝĥĵŝŭ Korpo 10 — Bas de casse *ĉĝĥĵŝŭ*
ĈĜĤĴŜŬ Ĉefliteroj *ĈĜĤĴŜŬ*
$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $
EGIPTA KORPO, 8 Nº 406
ĉĝĥĵŝŭ ◆ ĈĜĤĴŜŬ

PETU LA
POR ESPERANTO — POR ESPERANTISTOJ
Vera
## Vino Ĉampanja
ORA MARKO.
Originala produktejo de FORTIN PÈRE ET FILS en EPERNAY (France)
SENPAGAN TARIFON

## Litografia kaj Tipografia Presejo
Telefono 2-27

## Presejo X. DEVICHI
CHALON-SUR-SAONE (Francujo)

PRESEJO DE LA ĴURNALO « ESPERANTO » OFICIALA ORGANO de U. E. A.

ILUSTRITAJ AFIŜOJ
ARTAJ LABORAĴOJ
JARLIBROJ, VORTAROJ
LERNOLIBROJ, BROŜUROJ
GAZETOJ, K. T. P.

## CESKY ESPERANTISTA
(Bohema Esperantisto)
*TRE ZORGE REDAKTATA PROPAGANDA REVUO*

ENHAVO : *Esperantaj artikoloj*, pri nuntempaj temoj, ĉefe internaciaj.
*Raportoj kaj notoj*, pri la progreso de civilizado.
*Kroniko* pri Esperanta Movado.
Redakcio : Praha III 495, Austrio.
Administrejo : Jevicho (Moravio, Austrio).
Jara abono : 1.70 $
*Senpaga per anoj de Bohema Asocio Esp.*
Sekretario : D-ro KAMARYT, Praha VI.

## PROPAGANDILO
Belegaj Kongresaj Fotografaĵoj de l'Kvara Esperantista Kongreso

Ĉiu bildo : 0,50 $ afranke.
Ĉiu poŝtkarto : 0,15 $ afranke.
Postulu la nomaron de la tuta kolekto.
**Franz Müller**, fotografisto, 2, *Gartenstrasse*
*Leipzig (Leutzsch).*

## GRAVA

La administracio de ESPERANTO deziras havi en ĉiuj urboj **agemajn makleristojn** por kolektado de reklamoj kaj anoncoj. Grava maklerpago.

*Por ĉiuj informpetoj, kondiĉoj, k. c., turnu vin al :*

Presejo DEVICHI
CHALON-SUR-SAONE (Francujo)

Oni korespondas Esperante

## Grandaj Vinoj el Burgonjo
MOREAU-VOILLOT
BEAUNE (Côte-d'Or-Francujo)
Firmo fondita en 1786, daŭrigita de patro al filo

Honorindaj makleristoj estus akceptataj
*Oni petu la prezaron esperantan*

## Germana Esperanto Librejo
Königstrasse 19 § LEIPZIG § Königstrasse 19

LIVERAS
ĉiujn Esperantaĵojn *la plej belajn, vere arĝentajn Esperantistajn signojn*
KUN LA ENSKRIBO ESPERANTO
kiel pinglo, broĉo kaj butono, po $. 30
kiel manumbutonoj, po $. 75

la multe ŝatatan kaj utilegan
Inkosorbilon « Esperanto » sen sorba papero
Efikplena — PROPAGANDILO — Belega
po unu $ 65, sendkostoj (eksterlande) $ 25

Sigelmarkojn, artefaritajn
po 50 ekz. $ 25 — po 100 ekz. $ 35

HAVIGAS
ĉiujn librojn, ĵurnalojn muzikaĵojn k. t. p. Esperantistojn kaj divers naciajn.

PERAS
anoncojn ĉiaspecajn por ĉiuj germanoj gazetoj k. t. p. (tradukoj senpage).

**Estas la debitejo de Esperanto**
(Oficiala Organo de U. E. A.).
POR LA GERMANLANDO

## EN ĈIUJ STATOJ
Oni serĉas kapitalistojn & industriistojn kiuj volus fabriki
## SPECIALAN APARATON
por
Konservado de Nutraĵoj, fruktoj k. t. p.
*ĝin PATENTIGONTAJN en siaj landoj*

Negranda kapitalo bezonata.
Grandega Profito
Perantoj akceptataj.
Oni sin turnu al : **VACLAV ĈANSKY**
*PROSEK BEI PRAHA*
Bohemujo, Austrio

## Rejna Esperanto-Kolonio
BAD-GODESBERG

Ŝatata refreŝiĝejo sur la maldekstra bordo de la Rejno, unu horon sude de Koln, kontraŭ la « Sep Montoj »

*Perfekta Esperanto-organizacio* : 2 Oficejoj de U. E. A., konsuloj kaj konsulino, Esp. pensionoj, magazenoj, policanoj, k. t. p. Tial *bonega restadejo* por Esperantistoj, haltejo por la *kongresanoj*.

La Esp. ilustr. gvidfolion aŭ specialajn informojn petu per ilustr. poŝtkarto de la
KOMITATO POR REJNA ESPERANTO-KOLONIO
Bad-Godesberg a. Rh. (Germanujo).

## Esperanto kaj Esperantistoj
de D-ro A. BLACHSTEIN
Prezo po $ 0,05 ; 50 ekz., $ 1,50 ; 100 ekz. $ 2,50 afrankite.

## Internacia Legolibro
DE STARK KAJ RÖCKMANN
Prezo po $ 0,65 afrankite.

**Sigelmarkoj** artefaritaj.—50 ekz. $ 0,25, 100 ekz. $ 0,35 afrankite.
*La plej bela el ĉiuj ĝis nun ekzistantaj samaj propagandiloj*

Rabaton al revendistoj. — (Poŝtmarkoj el ĉiuj landoj estas akceptataj laŭ efektiva kursvaloro)
ELDONEJO DE LA SAKSA-TURINGA ESPERANTISTA LIGO
Leipzig *Konigstrasse, 19*

LIVERANTOJ DE MUSTARDO KAJ AMELO AL LA REĜO
Laŭ privilegio
## J. & J. COLMAN
(Akcia Societo)
MANUFAKTURISTOJ DE
MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO
KAJ
BRITA RIZFARUNO

*108, CANNON STREET, LONDON kaj CARROW WORKS, NORWICH* (Anglolando)

## KVINA KONGRESO DE ESPERANTO
**Barcelono, 5-11 Septembro 1909**

### ALIĜILO

Mi petas la direktoron de ESPERANTO, ke li mendu de la organiza komitato de la Kvina Internacia Esperantista :

I

______ Karto(j)n de Kongresanoj : $
4 $ por ĉiu karto) ______
______ biletoj por septaga loĝado kaj manĝado, nome ______
______ biletojn de klaso A (po 14 $) ______
______ biletojn de klaso B (po 21 $) ______
______ biletojn de klaso C (po 35 $) ______

II

______ dekojn da poŝtkartoj n-ro 1 (Katalunulino) (po 22 Sd) ______
______ dekojn da poŝtkartoj n-ro 2 (floraj Ludoj) (po 42 Sd) ______
______ centojn da kongresaj markoj (po 20 Sd) ______
______ broŝurojn « La Rondo », danco Esp. (po 12 Sd) ______
______ standardojn Esperantajn (po 40 Sd) ______
______ standardojn ______ (po 80 Sd) ______
______ ekzemplerojn de la traduko « *Mistero de Doloro* » (80 Sd) ______

Mi deziras, ke ĉio supre mendita estu sendita per *rekomendita* poŝto kaj tial mi aldonas 10 Sd.

Entute mi ĉi-kune sendas per poŝtmandato aŭ ĉeko la *sumon* da ______ kaj mi petas, ke oni sendu ĉion supre menditan al la jena adreso :

*Nomo :*
*Lando, urbo :*
*Strato :*

Subskribo,

*Legeble pleniĝu tiun mendilon, detranĉu ĝin kaj sendu ĝin kun respondа mono* al ESPERANTO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svis.).
Grava Avizo : La poŝto ne akceptas poŝtmandatojn por Hispanujo.

*Administranto* : L. Royer.
*Presejo* X. Devichi.

